XXIV-a jaro. N° 340 [12] Monata Decembro 1928

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER, Redakcio Dro Edmond PRIVAT kaj Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.

REDAKCIO: *La Redakcio ne povas resendi manuskriptojn.*
*Lasta dato por ricevo: 1-a de ĉiu monato por la sekvanta monato.*
*Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*
*La abonoj komenciĝas en Januaro.*

ABONO & REKLAMO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |


ENHAVO



## Nia alfabeto pravigata

La nova leĝo turka pri la ŝanĝo de l'alfabeto aparte interesas la esperantistojn. Jen la registaro de granda popolo decidas energie devigi la tutan nacion forlasi la malnovan araban alfabeton por lerni kaj uzi literaron latinan.

Kiamaniere la diversaj sonoj de la turka lingvo estas reprezentataj per la nova alfabeto? Ĉu niaj latinaj literoj estas sufiĉe nombraj por atingi fonetikan ortografion kun unu signo por ĉiu sono kaj unu sono por ĉiu signo?

La sama problemo, kiun ekzamenis siatempe D-ro Zamenhof, priokupis dum tuta jaro la oficialan komisionon de spertuloj, kiu devis prezenti sian projekton al aprobo de la Prezidanto kaj Parlamento de la Turka Respubliko. Nu, tute simile kiel D-ro Zamenhof ĝi fine solvis ĝin. Ĝi ne konsentis enkonduki la esceptojn de literkombinoj kiel *sh* aŭ *ch*, ĝi preferis oficialigi signitajn literojn ş kaj ç por ŝ kaj ĉ kaj ankaŭ ğ por la aparta turka konsonanto *gj*.

Tio devus serioze pripensigi tiujn facilanimajn kritikantojn de Esperanto, kiuj volonte ripetas ke supersignoj estas malmodernaj, ĉar Usonanoj ne uzas ilin. Jen modernema kaj progresema respubliko, jam profunde ŝanĝinta siajn morojn kaj kutimojn en kelkaj jaroj, oficialigas alfabeton tre similan al tiu de Esperanto kaj donas tiel publikan konfirmon al la opinio kaj al la klarvida saĝeco de D-ro Zamenhof.

Cetere ĉiuj modernaj presejoj en Eŭropo jam de longe havigis al si niajn supersignitajn literojn aŭ eĉ pli progreseme uzas kompostmaŝinojn kun liberaj supersignoj. Estas rimarkinda fakto ke ĉiuj novaj regnoj en Eŭropo uzas fonetikan ortografion kun supersignoj dum la okcidentaj nacioj, kiuj volonte kredas sin tiom modernaj kaj progresemaj, fakte uzas la plej fuŝan kaj malfonetikan ortografion imageblan, speciale Usonanoj, Britoj kaj Francoj.

Ke Esperanto malmodernigu kaj malfonetikigu sian ortografion por imiti eĉ iom la anglan lingvon, tio estus vera frenezaĵo. Nia lingvo ne vivas por iu aŭ alia propaganda periodo. Ĝi vivas kaj kreskas por la tuta homaro de l'estonteco.

Morgaŭ milionoj da infanoj en lernejoj de la tuta mondo suferus tute senutile se oni malperfektigus ĝian alfabeton por eviti sensignifan elspezeton al iu aŭ alia malprogresema presisto.

Cetere eĉ fabrikantoj de skribmaŝinoj jam anoncas en siaj katalogoj klavaron por Esperanto.

Ni jam transpasis tiun epokon, kiam la demando pri supersignoj estis aktuala. Ĝi nun estas solvita.

Edmond PRIVAT.

## EL NATURO KAJ SCIENCOJ

# La Indiĝenoj de Tasmanio

Antaŭ plena duono de jarcento mortis la lasta el la Tasmaniaj indiĝenoj, Trukanini, aŭ Lalla Rookh (elp. lala ruk) kiel nomis ŝin la kolonianoj. Ŝi estas elstaranta figuro en la historio de la siatempa maltrankvilo en la insulo, estis rimarkinda pro sia bela formo kaj heroeco, « ĉiam preta kun rimedoj, saĝa je konsilo, kuraĝa en malfacilaĵoj, ŝi havis la saĝecon kaj magian fascinecon de la serpento, la sentimecon kaj noblecon de la leono ».

Nuntempe la sciencistaro honoras la Tasmaniajn indiĝenojn kiel homojn de unika graveco.

Profesoro Colin Mackenzie, direktoro de Nacia Muzeo de Aŭstralia Zoologio, diras, ke Germanujo klopodis akiri dudekojn da skeletoj de homoj el tiu formortinta raso. Aŭstralio posedas nur unu!

Malgraŭ la trelongeco de sia loĝado sur la mondo, la Tasmania nigrulo postlasis malmulte da palpebla atestaĵo de sia longa regado. Lia raso estis pli antikva ol eĉ tiu de la Aŭstralia nigrulo kaj nesimila al ĝi laŭ aspekto, sed de kiam li malaperis de la mondo antaŭ kvindek jaroj, la Aŭstralia indiĝeno jam estas la plej antikva, ankoraŭ ekzistanta reprezentanto de la antaŭhistoria homaro.

Iu ĝuste nomis la Tasmaniajn indiĝenojn la « Spartanoj de Aŭstralio ». Guberniestro Arthur respektege nomis ilin « nobla raso ». Kapitano Cook rimarkis iliajn altajn virtojn, pri kiuj li opiniis, ke ili superas tiujn de la pli kulturitaj Polinezianoj. Peron, la romantika Franco, verkante pri ili frue en la pasinta jarcento, diris : — kun neesprimebla plezuro mi konstatis la realiĝon de la brilaj priskriboj pri la feliĉeco kaj simpleco de vivado en natura stato, kies allogan ĉarmon mi, legante, tiel multfoje sentis.

Tiuj primitivaj homoj estis nek stultaj nek mizeraj. Ili estis sen dioj, sen kultaj ceremonioj kaj sen konkurantoj sur sia sorĉa insulo. Timante nenion krom ventegoj, fulmotondroj kaj mallumo, ili vagadis liberaj kaj kontentaj tra arbaregoj montaroj kaj valetoj, posedis nek ĉiaman hejmon nek kuirilojn, kaj kiam ili malofte portis veston, tio estis el pelto de falangero.

En aliaj partoj de la mondo homoj venkis la sovaĝan ĉirkaŭantaron, evoluis en naciojn kaj imperiojn, kiuj floris en epokoj de glora civilizacio, sed en la malproksima insulo de la suda maro la Tasmaniaj gentoj vivadis en tiu sama, paca barbareco, en kiu vivadis iliaj prapatroj en la neolita epoko antaŭ miloj da jaroj.

Ili imagis, ke ili estas solaj en la mondo. Tiamaniere dum epoko de la nekonata pasinteco ekzistis tiu interesega popolo, izola sur tiu malgranda, riĉe pentrinda peco da tero en ne travojaĝita maro. Kiam venis la blankhaŭta esploristo, tiu priskribis la mildan sovaĝulon tute ne malamika, sed preta al flatoj, fido kaj admiro por sia blanka frato, al kiu dum ties resto li rilatis kun infaneca gastemeco, kaj pri kies foriro li esprimis « kortuŝan doloron ».

En la kronikoj oni legas, ke la unua malpaco inter la Tasmaniaj nigruloj kaj la blankuloj okazis pro nescio de mentaleco primitivula. Malgranda nombro da soldatoj ĵus alvenis la insulon kaj estis lokitaj proksime de la rivero Derwent. Indiĝenoj en la nombro de tricent venis militsimile, ĉasante kanguruojn. La soldatoj pafis al la bestoj. Siavice la nigruloj malprudente mortigadis ĵetlance bovojn de la blankuloj; ĉi tiuj rigardis tion kiel pli gravan krimon ol estis la blankula mortigo de la kanguruoj. Tiamaniere komenciĝis malamikaĵoj, kaj baldaŭ sekvis tion revenĝa agado, kiu daŭris dum multaj jaroj de sangoverŝado.

Kun plezuro oni legas, ke la Tasmania registaro faris ĉion eblan por reamikigi la partiojn. En registara ordono en la jaro 1819 oni povas legi : — La indigno de ĉi tiuj kompatindaj necivilizitaj homoj estas tute justa, kaj pro la senkonsideraj kaj krimaj agoj de malmultaj blankuloj suferas ne nur la farintoj de tiaj abomenaĵoj, sed ankaŭ ĉiuj posedantoj kaj zorgistoj de brutaroj.

Tamen la sovaĝuloj kun siaj « amikaj vizaĝoj, dolĉaj ridetoj » kaj primitiva naiveco, tiel sentoplene priskribitaj de la unuaj esploristoj de la insulo, jam estis, laŭ la diro de suferigataj kolonianoj, nenio alia ol « tigroj kaj demonoj ». Oni plue legas : — Lia ekscelenco ĉiam tre deziras enradikigi spiriton de tolero rilate al la indiĝenoj, esperante ke fido kaj bonkoreco estiĝu kaj konduku al la prospero kaj sekuro de la kolonianoj. Tamen kun treega bedaŭro li vidas rezulton tiel kontraŭan al lia espero kaj atendo. — La ordono, el kiu tio estas eltiraĵo, estis afiŝita en la jaro 1826 antaŭ ol la registaro komencis la serion da « peloj », celante kolekti ĉiujn indiĝenojn kaj izoli ilin ekster danĝero en unu angulo de la insulo. Inter la volontuloj por tiuj « peloj » estis John Bateman, kiu jam antaŭe gajnis al si la titolon » amiko de la nigruloj » dum li ankoraŭ estis bienposedanto apud Ben Lomond, antaŭ ol li fondis la kolonion Viktorio. — Mi estas decidinta, — li skribis, — se nur lia ekscelenco aprobas, kaj sub certaj kondiĉoj, doni tempon kaj la tutan energion je kiu mi kapablas, por envenigi vivaj iujn el tiu tre malservita kaj malfeliĉa raso de homoj. — Sed la granda linio el tricent volontuloj, simila al kombilo vane kombis la insulon. La entrepreno kostis al la registaro 70.000 funtoj sterl. Ĝi malsukcesis, parte pro tio ke la nigruloj tute erare komprenis ĝian bonan intencon, sed precipe pro tio, ke la nigraj loĝantoj de la sovaĝa regiono tro lerte evitis kaptadon de tiuj diligentaj invadantoj. La blankula armeo venis returne kun anoj ĉirkaŭŝiritaj, kontuzitaj, skrapitaj kaj fariĝintaj strange sovaĝsimilaj laŭ aspekto. Ĝi estis persekutinta la rapidmovajn nigrulojn tra densaj arbetaĵoj, marĉoj kaj ŝlimegoj, trans montojn kaj tra superbordiĝintaj riveroj, sed ĉiam la malfacile vidataj forkurantoj kaŝe iris tra la linio, malaperis malantaŭ ĝi kaj forsavis sin.

George Augustus Robinson, brikisto, « sukcesigis » la planon. La nigruloj jam antaŭe fariĝis obstinegaj, senesperaj, murdemaj. Ili firme decidiĝis morti kun la lanco en la mano, batalante kun mirinda kuraĝo por la insula tero kontraŭ supera forto kaj kun granda malamo en la koro. Robinson kun malgranda aro da viroj proponis al la registaro, ke ili, akompanate de Lalla Rookh kaj kelke da fidelaj indiĝenoj, iru nearmitaj kiel paca misio al tiuj sangavidaj krimuloj. La registaro, kvankam dubante la eblecon efektivigi la planon, tamen pro paco permesis la ekspedicion. El la aventuroj de tiuj idealistaj « frenezuloj » ĉe la Grand-Rivera gento kaj la pli sangavidaj malpacemuloj de la Tasmania sovaĝejo konsistas iom el la plej travibriga kaj inspira legaĵo en la Aŭstralia literaturo.

— La Hotentotoj estas plialtigitaj en la skalo de la homaro, kaj la indiĝenoj de Societaj Insuloj jam estas inteligenta kaj industria raso, tial per simila penado la blankuloj povas instrui la nigrulojn de Tasmanio. Tio estis la opinio de Robinson, kial li ekiris por fari sian « sukeraĵan » bonkoran mision. La misio plene prosperis. La indiĝenoj ĝis la lasta homo submetiĝis.

Tamen unu el la plej tragediaj aferoj en la longa vivo de la homaro estas, ke pro la malfavoro de la sorto, la nigrulo de Tasmanio montriĝis tute neŝanĝebla. Malsimila al la militema Maorio de Nov-Zelando kaj al la negro, li ne povis sin adapti al la tute ŝanĝitaj kondiĉoj, kiuj invadis kaj aliformigis la antikvan landon de liaj prapatroj. Tamen estis esceptuloj. Inter ili estis Lalla Rookh. Alia estis Mathinna, la bela indiĝena knabino, kiun adoptis Lady Franklin dum ĉi tiu loĝis en la sidurbo de la insula registaro. Lady Franklin trovis ŝin en rezervejo difinita kiel loĝejoj por indiĝenoj, prenis ŝin « kune kun ŝiaj kangurua pelto, konka kolringo, junka korbo kaj malsovaĝigita falangero » por vivi en Gubernatora Domo. Tie la knabino fariĝis « alta kaj gracila, havis voĉon dolĉan kaj rapidan, vizaĝtrajtojn bele ĉizitajn kaj neordinare regulajn ». Oni instruis kaj dorlotis ŝin. Ŝi ĉeestadis balojn kaj aliajn festenojn, kaj ŝajne havis bonan sanon sub la strangaj kondiĉoj de sia nova vivmaniero. Tiel tiu sovaĝa junulino fariĝis protektatino de Angla nobelino.

Ŝia fino estis tragedia. Kiam gelordoj Franklin revokiĝis Anglujon, kuracistoj diris, ke la tiea klimato ne taŭgas por Mathinna, tial tiu dorlotita, instruita filino de indiĝena ĉefo restis en Tasmanio kaj tie mortis de la malsano, pro kiu mortis tiel multaj el ŝiaj bravaj samrasanoj, sovaĝaj kaj malsovaĝigitaj, viktimoj de du malbenoj de la civilizacio, — drinkado kaj tuberkulozo.

Tiamaniere estis perfortigita, dispremita, konfuzita, degenerigita, pelita en mizeran tombon la simpla indiĝeno, la sendefenda infano de la homaro, deveninta de antikva prapatraro, ke en komparo kun lia raso la plej malnova popolo de la historio estas nura novulo, kune kun li sendube mortis multaj virtoj, je kiuj la mondo povus esti pli riĉa.

En lia prapatra lando, loĝata de lia nigrahaŭta raso dum tiel multe da jarmiloj, nun troviĝas skeleto de nur unu homo el tiu formortinta antikva popolo.

Trad. George Gordon.
(*El « The Age », Melbourne*)

## La deng-febro

Laŭ D-ro med. Rob. Klopstock

Dum monato aŭgusto, Greklando suferis pro febra malsano, kutima en la varmaj landoj. Estis la dengo-febro. Laŭ la oficialaj komunikoj 80 % de la loĝantaro speciale de la ĉefurbo estis atingita de la malsano. Okazis pli ol mil mortoj.

Erare estus kredi, respondecigi por tiu-ĉi alta grado de morteco la dengo-febron kiel senperan kaŭzon. La daŭro de la malsano estas ĝenerale bona, sed kiom forta estis la unua atako, tiom dolorplena ĝi iras sian vojon. Ĉe ĉiuj mortoj pro tiu-ĉi febro, temas pri malfortaj homoj. Por ili la dengo-atako estas plej ofte nur pliigo de jam ekzistanta malsano, ĉu de malario, ĉu de disenterio aŭ nerimarkita tuberkulozo aŭ de ia manko en la funkcio de l'koro. La greka registaro pro tio prave rimarkigis, ke danĝero nur ekzistas ĉe individuoj suferantaj je unu el la nomitaj malsanoj.

Tute senbaza estas la timo, ke tiu-ĉi malsano povus eniri ankaŭ mezeŭropajn aŭ nordajn landojn. La dengo-febro estas malsano kies disvastiĝo estas limigita je difinitaj regionoj, kun meza temperaturo de 20 centigradoj aŭ pli. La devenlokoj preferataj sendube estas la bordoj de la Ruĝa kaj Araba Maroj, de l' golfo Bengala, de la Malaja Arkipelago kaj de la Meksikana Maro. Ĉiuj sinmontroj de la epidemio en regionoj de la norda duonglobo okazis dum somero ekstreme varmega, speciale favora por evoluo de certa kulo (Culex fatigans). En la sudaj marbordoj la dengo-febro estas konstanta malsano kun ĉiujaraj sporadaj malsan-kazoj. Dum interspaco de kelkaj jaroj aŭ eĉ de jardekoj, ĝi evoluiĝas je epidemio, unue en la malalte situataj dense loĝataj havenkvartaloj aŭ antaŭurboj. De tie la malsano etendiĝas. La dengo-febro certe ne estas migranta epidemio kiel la influenco, kvankam oni konstatis disvastiĝon per ŝipoj de tempo al tempo. La febro estas loka epidemio formanta konstantajn devencentrojn. Ĝi kutimas komenciĝi je la fino de la somero, atingas la kulminacion post tri ĝis kvar semajnoj. Tiam ĝi mildiĝas kaj dum ekkomenco de malpli varma sezono aŭ sekve de kelkaj tagoj malpli varmaj, tute malaperas.

La origino de la malsano ankoraŭ nun ne estas trovita. Oni kredis dum certa tempo, speciale kiam oni trovis la ekscitanton de la flava febro, ke la dengo-febro havas samklasan ekscitanton. Tiu-ĉi supozo montriĝis ne ĝusta. Hodiaŭ oni akceptas ĝenerale, ke la malsanon kaŭzas nevidebla ultramikroskopa ekscitanto. Dum longa tempo oni kredis, ke la dengo-febro transiras de homo al homo. Pro tio oni konsideris kiel transportanton la pilgrimkaravanojn al Meko venantajn el Hindujo. Estas tute certe ke transiro de persono al persono ne ekzistas. La malsano estas transportata ekskluzive de kuloj. Interesan pruvon donis du amerikanaj esploristoj. Dum epidemio de la dengo-febro ili kuŝigis pacientojn de la dengo-febro kun sanaj personoj eĉ en samaj litoj dum tuta daŭro de la malsano. Ambaŭ sanuloj kaj malsanuloj uzis samajn ilarojn por manĝo kaj trinko. Sola protekto estis reto kontraŭ la moskitoj. En nenia kazo oni observis infekcion de la sanuloj. Poste ili inokulis tiujn sanajn personojn kun filtrita sango de la malsanuloj — la sama vojo per kiu ekestas la malsano helpe de la kuloj — kaj nun aperis ankaŭ la specifaj simptomoj.

La malsano komenciĝas, speciale ĉe tipaj epidemoj, fulmosimile kun abrupta leviĝo de la temperaturo. Estas la tielnomata tritaga febro kun ekstreme akraj doloroj en la kapo kaj en la dorso, malrapida pulso kaj plena malfortiĝo. Pro la dandosimilaj movoj farataj de la malsanuloj por eviti la dolorojn en la artikoj, la hispane parolantaj popoloj nomis la malsanon « Dengue », kio signifas aŭ afekcio aŭ ceremonimeco. Sur la insuloj, kie oni parolas angle oni nomis ĝin « Dandyfever ». Tiujn du nomojn la malsano konservis ĝis nun. La febro ne daŭras pli longe ol tri tagojn. Tre longe daŭras la resaniĝo, dum kiu tempo la malsanuloj estas tre malrezistemaj. La morteco post dengo-epidemioj estas, sekve de aliaj malsanoj tre alta, simile kiel ĉe epidemioj de influenco. La terapio direktiĝas nur kontraŭ la simptomoj.

La malsano unufoje pasinta, ne postlasas imunecon kontraŭ nova infekcio. Du, tri atakoj de la sama epidemio jam ofte rimarkiĝis ĉe sama individuo. Kiel oni povis konstati ĉe epidemioj la indiĝenoj en multaj lokoj restis netuŝitaj dum la enmigrintoj malsaniĝis. Laŭ opinio de fama esploristo de la dengofebro, Georg Stickers, tio okazis en tiuj lokoj, kie la febro furiozis dum jaroj kaj sekve iom post iom inokuliĝis al la indiĝenoj. Ili do kvazaŭ imuniĝis.

## La etruska enigmo

Laŭ Antonio Cavallazzi.

La enigmo de la etruska kulturo kaj precipe de la etruska lingvo havis ĉiam fortan allogon por la scienculoj. Spite detalaj kaj profundaj studoj de kompetentaj filologoj, neniu sukcesis ĝis nun trovi la ŝlosilon por la deĉifrado de la etruskaj skriboj. La ampleksa kaj rimarkinda civilizo de tiu popolo, reginta dum la antaŭroma epoko, donis ja al Romo grandan parton de ĝiaj organizoj juraj, politikaj kaj religiaj. Pro manko de epigrafiaj dokumentoj ĉio restis en la mito de mis-

tera ombro. Ĉiuj teorioj kaj hipotezoj pri la origino de la italika civilizo estis nur fantazio. Se nun efektiviĝus, ke sukcesus scienculo en Milano deĉifri pli ol cent etruskajn epigrafojn kaj identigi la lingvon etruskan, tiam malfermiĝus por la historia esploro vasta kampo nova. Solviĝus la enigmo de la etruska sfinkso, pli rezistema oll la egipta, kiu mokis pri insisto de la homa scivolo.

Antaŭ nelonge aperis en Milano, fundamenta studo de arkitekto Antonio Cavallazzi pri la etruska lingvo. Eta libreto, montranta la metodon en plej simpla maniero. Ĝi donis la laŭsencan tradukon de keltaj, pelasgaj kaj etruskaj surskriboj. La nova metodo de Cavallazzi deiras de tre simpla ideo, sed montras tiom da versimileco ligita kun ekzakta scienca metodo, ke ĝi ne povas esti malatentata eĉ de akraj kontraŭuloj. Ĉe fakuloj la nova provo de deĉifrado trovis entuziasman kaj kontraŭan bonvenon.

Cavallazzi konstatis, ke la grupoj de literoj, konsideritaj ĝis nun kiel unuopaj vortoj, ne estas tiaj « simplaj vortoj » sed kunmetaĵoj aŭ kiel li diras « konglomeratoj » de mallongigitaj vortoj aŭ serioj de sinsekve skribitaj mallongigoj.

En la maloftaj kazoj, en kiuj la vortoj aperas unuopaj, temas ĉiam pri grekaj esprimoj. Se oni analizas tiujn konglomeratojn ĝis iliaj elementoj kaj klopodegas ilin kompletigi, tiam oni ricevas nur grekajn vortojn. Estas arkaika primitiva dialekta lingvo, sed tamen greka. Juĝante laŭ la deĉifritaj partoj, temus pri elementoj de la Helena pralingvo en la antaŭhomera epoko. Tiu-ĉi eltrovo, se akceptota de la etruskologoj, renversus ĉiujn fakajn hipotezojn, speciale tiujn historiajn kaj arkeologiajn teoriojn, kiuj konsideris la priorecon de la greka civilizo antaŭ tiu de la praitala. Cavallazzi estas destinita, kondiĉe ke liaj eltrovoj estas defendeblaj, montri novajn vojojn al paleografio.

La eltrovinto de tiu-ĉi metodo estas italo. Li ne estas etruskologo, sed arkitekto, profesoro ĉe la Politeknika Lernejo en Milano. La profesio ja ne rekomendas lin ĉe la fakuloj de la etruska scienco. Dum scienca esploro pri la origino de la itala arkitekturo li venis de problemo al problemo, al lingvosciencaj rezultatoj, kiuj fakte nur devis apogi siajn tezojn de la arkitektaj problemoj. Inter la topoprafiaj nomoj li trovis rimarkindajn kombinaĵojn. Sola ekzemplo, de la vorto « Ligurio », kio kuniĝas el vorto « *Li* » = ŝtono kaj el « *gurio* » kio estus cirklo aŭ arko. Se oni aplikus tiun intuitivan metodon de la senco-analizo, al la nekompreneblaj vortoj? pensis nun Cavallazzi kaj provis. Unue li esploris keltajn surskribojn poste etruskajn. Sed la analizo en du elementoj ne ĉiam sukcesis. Poste li supozis, ke la unuopaj vortoj povus esti tri kvar aŭ pli da partoj. Li daŭrigis siajn provojn ĝis li analizis pli ol cent surskribojn. Kiel solan gvidilon li uzis grekan vortaron kaj disigis la « konglomeratojn » en gramatikajn kaj logikajn formojn kaj trovis en la tiel konstruitaj frazoj, karakterizan tute novan sencon. Kaj la nova senco ĝuste esprimas tion, kio rilatas al la objekto. La tombotekstoj formas specialan grupon kaj havas alian strukturon ol la ceteraj enskriboj.

Cavallazzi deiris de la supozo, ke ankaŭ la plej malfacilaj vortoj ne estas propraj nomoj kiel oni kredis, sed entenas sencon rilatan al la objekto. Kaj lia supozo ne malbongvidis lin. La traduko de la tombotekstoj posedas plian gravecon pro la fakto ke per ĝi la etruska primorta kulto kaj la religiaj ceremonioj aperas en tute nova lumo.

Tiel la teorio de Cavallazzi prezentas kulturhistorian hipotezon de plej alta rango. Ĝia evoluo estas destinata doni novan bildon de la etruska civilizo kaj puŝi tiun mito-konfuzan mondon en la regionon de klara historia realeco.

 **SOCIA VIVO** 

## La eduko per la historia lernilaro

De Adolf Keller.

Kun la helpo de la konata sveda esploristo Nordenskjöld, W. Carlgren aperigos studaĵon pri la instruado de la historio en la diversaj landoj. La enketo servis antaŭ ĉio al la kontraŭbatalo de naciisma propagando, per kiu la junularo jam dekomence edukiĝas en malestimo kontraŭ aliaj popoloj. La studaĵo, eldonita de la Carnegie-Fondo defendas la postulon, forigi falsajn rakontojn pri aliaj popoloj el la historiaj lernolibroj kaj ne enkonduki vidpunkton de duobla moralo en la juĝo pri la aliaj. La historio de la popoloj devas esti prezentata laŭ spirito de reciproka justeco kaj simpatio. La tutan problemon pritraktis ankaŭ la konferenco de la Amikeca Ligo Eklezia okazinta en Praha antaŭ nelonge.

Kiom malfacila estas ankoraŭ tia studo montras tiu-ĉi raporto. En landoj kun naciisma trostreĉiĝo oni devis konsideri raportojn de du fontoj. De Italujo ne estis ricevebla sendependa kritika informo, sed oficiala komuniko el la Ministerio de Instruado. Por aliaj landoj klopodis societoj de historiaj studoj aŭ la Historiista kongreso en Oslo.

La tuta prikonsidero de la historia instruado ŝanĝiĝis rimarkinde. La heroa valorigo de la milito pli kaj pli malaperas antaŭ la postulo de serioza prijuĝo de l'profundaj kaŭzoj de la kultura movado kaj de la popoloj mem. Ĉio dependas ja de la vidpunkto. Se komunista kritikanto kulpigas anglajn lernolibrojn kaj instruadon je imperialisma tendenco, tiam estas evidente, ke li ne restos sen kontraŭdiro. En belgaj lernolibroj la eldiroj de naciisma malamo estas malhelpataj de la ministerio de l'instruado. Ankaŭ en Francujo kaj Germanujo moviĝas la spirito je pli justa konsidero reciproka. En la hungaraj lernolibroj aperas kompreneble, la nova hungara politiko, regajni per pacema penado, kion perdigis la milito. En la tuta oriento vidiĝas pasia naciisma sento en la instruado de l'historio, ekzemple en Slovakio kaj en Polujo.

Kelkaj ekzemploj por la reciproka sinkonsidero, kiel ĝi aperas en la lernolibroj estas interesaj. En Aŭstrio la pridiskuto de naciaj problemoj simpliĝis per la eliĝo de pluraj naciecoj fremdaj. La belga « *Atlas manuel de Géographie* » parolis 1921 nur en plej akra tono pri la germanoj. La eldono de 1926 ne plu enhavas tiujn eksplodojn de naciema spirito, dank' al energia klopodo de la ministro Huysmans, kiu postulis ke la spirito de la Ligo de Nacioj eniru la lernolibrojn. En la historia lernolibro de Leclère la instruo pri la ekkomenco de la milito prezentiĝas tre objektive, klarigita el la ekonomia premo kaj ne plu el la diabla malboneco de la najbaro. Tia objektiveco ankoraŭ ne troviĝas en la lernolibroj Herment, Matsiat kaj Piret.

Sed ĝenerale estas rimarkebla la provo, dispartigi la kulpon pli juste kaj eviti falsajn ĝeneraligojn. Sed la citoj montras, kiom malfacile tio estas ankoraŭ en la tiom suferinta Belgujo.

La ĉeĥoslovakaj lernolibroj estas ĝenerale skribitaj en tono trankvila kaj ofte atentigas pri la neceso de ĉeĥoslovaka kaj germana kunlaboro. Ili ne entuziasmigas je milita kulto kaj la patrujamo ne signifas rekte malamon kontraŭ fremda popolo. Pli akra, pli pasia estas la esprimoj en la slovakaj lernolibroj. Slovakaj infanoj ankoraŭ nun ne estas edukataj por forgesi devizon de iama subpreminto: « Slovako ne estas homo. »

La hungara historio aperas pleje kiel heroa historio en la hungaraj lernolibroj, en kiuj ne estas multe da loko por moderna opinio. Pri Slovakio ekzemple nenio aperas en la plimulto de la lernolibroj. En la lernolibro de Komarik oni ne citas la partoprenon de hungaraj trupoj ĉe la tiom signifohava batalo ĉe Blanka Monto apud Praha. En alia tre disvastigita lernolibro ne estas cito pri Comenius. Alia lernolibro tute prisilentas la okazintaĵojn de la lastaj dek jaroj, klarigeble se oni konsideras la vidpunkton hungaran. La instruado historia aperas malpli tolerema ol antaŭ la milito.

Interese estas kion la infanoj danaj legas pri la problemo de Jutlando. Rimarkinda estas la klopodado komprenigi la konflikton dan-germanan kiel tragedion kaj forgesigi amarajn sentojn, anstataŭotajn per objektiva kompreno.

La angla prezentado de la historia instruo estas ne same prikonsiderata. La brita grupo de la Amikeca Ligo Eklezia kunveninta en Praha ne opinias la ekzemplon kiel tipan. Tamen la raportinto donas aron da faktoj ne pridubindaj. Nova tipo de historia instruado pli atentas pri la ekonomia evoluo ol pri la rakontado de militaj okazintaĵoj. Spite tiu-ĉi nova trajto oni plendas, ke tro manifestiĝas imperialisma spirito. En iuj lernolibroj la germanoj estas kulpaj senescepte pri la lasta milito, dume aliaj pli objektive opinias ĝin kiel eksplodon de la konflikto inter libereco kaj subpremo. La Ligo de Nacioj ludas gravan rolon en la plimultaj lernolibroj britaj.

Prudhommeaux informas pri la franca instruado. La « Fédération unitaire de l'enseignement laïque » sisteme batalas kontraŭ la ĝisnuna historia instruado franca. Raporto el la jaro 1924 severe plendas pri la instruo de la malamo inter la popoloj. La novaj manlibroj estas preskaŭ ĉiuj senigitaj de esprimoj de malamo. Sed restas ankoraŭ multo por fari.

La svisa historia instruado estas prezentata de D-ro Bleuler — kaj por la franclingva parto — de Henri Grandjean. La svisaj lernolibroj estas skribitaj en spirito de estimo por aliaj nacioj. Pri la monda milito la okazintaĵoj estas konigataj tre objektive. Ankaŭ en la rakontado pri religiaj malinterkonsentoj, katolikaj kiel protestantaj verkistoj klopodegas sekvi objektivan prezentadon. Escepte unu lernolibro de Kantono Valezio kiu klarigas la reformacion kiel esprimon de deziro je pli facilmora vivo. Tiurilate nete distingiĝas la friburga katolika lernolibro kiu diras: « La estimo por la kredo de aliaj, estas devo por ĉiu honorinda homo ». Tia spirito estus enkondukinda de multaj verkistoj de lernolibroj.

La germana raporto estis ankaŭ prezentita al la kongreso en Oslo. Ĝi unue esploras, ĉu la prezentado de la historio suferis pli en germanaj aŭ en alilandaj lernolibroj. Oni asertis, ke la Bernaj postuloj (evito de la ŝovinismo, estimo de aliaj popoloj) jam plenumiĝis. Sed tio ne ŝajnis tiom certa kiel pruvis alia raporto. Tre bona komparo de la prezentado de faktoj laŭ diversnaciaj historlibroj kun la germanaj, evidentigas tamen, ke la germana instruado ne restis malantaŭ aliaj laŭ kvalito kaj laŭ nepra deziro je objektiveco. La nuna historia instruado germana ne plene rezignas la kutiman heroan prezentadon de la milito kaj la tro fortan akcentadon de la nacia sento. Por la monda milito oni ĝenerale konsentas pri multaj eraroj de la propra flanko. La persono de la eksimperiestro estas citata kun atentinda rezervemo. Sed revenas regule la diro « niaj manoj estas puraj » kaj forte estas la opozicio kontraŭ la solkulpeco Germanujo.

Senvenenigo de la atmosfero estas necesa antaŭ ĉio. Tiurilate objektiva kaj justa informado jam en la lernejo estas unua kondiĉo. Rekoni la kvalitojn de la aliaj kaj atenti pri la propraj eraroj estas signo de esperiga estonto, kiu devas bazi sur la simpla vero « kion vi ne volas ke oni faru al vi, ne deziru ĝin al aliaj ».



## NOTOJ



*Nova geografia karto mongola.* — La mongola ministerio de instruado eldonis novan atlason lernejan de la Mongolio, krome du specialajn kartojn pri la Mongola Respubliko. La du kartoj, unu fizika kaj unu politika ambaŭ laŭ mezuro de 1 : 200 000 estas presitaj de firmo Wagner & Debes en Leipzig. Ili havas sufiĉan gravecon ĉar la progreso de la malkovro de nekonitaj ĝis nun regionoj estas konsiderinda. La registaro daŭrigas plibonigi tiujn kartojn, kiuj cetere respondas al la plej severa apliko de sciencaj metodoj. Ĉiuj nomoj estas indikitaj en mongola skribo. La registaro daŭrigas ankaŭ la geografian esploron de la lando kaj sendas de nun regule ekspediciojn en malpli konataj regionoj por tiu celo.

*La plej granda vortaro.* — La angla vortaro de Oxford (Oxford English Dictionary) la plej kompleta kolekto de la angla vorttrezoro finiĝis dum tiu-ĉi jaro. Oni esperis komence, ke la lasta volumo povus aperi la 7an de januaro, precize 70 jarojn post komenco de la giganta laboro. La vortaro indikas la signifon de pli ol 400 000 vortoj kaj pli ol du milionoj da pruvoj. La laste aperinta volumo entenas la lastan duonon de la litero W; la lasta volumo kun literoj X Y kaj Z jam aperis. La litero C ampleksanta unu volumon kalkulas 29 295 vortoj. Sed ĝi ne estas la litero kiu havas la plej grandan amplekson. Estas S kun 57 428 vortoj sur 2408 paĝoj.

*La ŝarko kaj ĝia uzo en la industrio.* — Dum la milito la ĝenerala sekretario de la Komerca Ministerio Usona, William Redfield atentigis la industrion uzanta ledon je la ŝarko kiel liveranton de ledo. Tiutempe la kostoj de kaptado kaj prilaboro ne rentumiĝis. Sed la instigoj donitaj de Redfield estis daŭrigitaj kaj kondukis antaŭ nelonge al fondo de societo en San Francisco kun la celo produkti ledon el la haŭto de la ŝarko. Organiziĝis laŭ amerikana maniero la kaptado de la ŝarko en la Pacifika kaj Atlanta Oceanoj. La diversaj ŝarkoj (temas pri la « Squalus carcharias », france requin, germane Menschenhai, angle man-eater, « Galeus canis » kaj la « Gigantan ŝarkon » la « Selache maxima » ĉiuj ŝarkosimilaj) estas tuj post la kaptado klasigitaj laŭ la speco. Post la alveno en la haveno ili estas prilaborataj laŭ la diversaj partoj.

La sekigitaj naĝiloj bone vendiĝas kiel bongustaĵo en Ĉinujo. La viando, zorge deprenita de la skeleto kaj senigita je ĉiu fiŝosto vendiĝas kiel konservaĵo ĉe la amerikana merkato. La nutra valoro estas granda kaj la gusto bonega, ĉar ĉiu fiŝoleo restas en la hepato. La malfacile disigebla haŭto, superanta ĉiun ledon je firmeco per speciala procedo iĝos mola kaj elasta. Ĝi trovas bonan aĉetantaron ĉe la ŝu- kaj ledoindustrio. La prezo ankaŭ estas malpli alta kompare tiu antaŭ kelkaj jaroj. Proksimume unu kvinono de la viva pezo de l'ŝarko estas oleo. Senigita je la odoro ĝi estas uzita ĝis nun en fabrikejoj de sapo; nun ĝi uziĝas kiel anstataŭaĵo de Lin-oleo kaj trovas favoron ĉe la farmacia industrio. La kapo kaj la skeleto transformiĝas per kuirado en gelateno kaj la restantaj fiŝostoj vendiĝas post polurado kaj malmoliĝo sub ĉiaj formoj kaj por ĉiaj eblaj bezonoj. — Notinde estas plie, ke la komercan sukceson helpas la fakto, ke en la pankreas-sekreciaĵo de l'ŝarko oni trovas kvanton de la kontraŭdiabeta rimedo Insulino.

# LITERATURO

## Stranga vekiĝo

Angla ĵurnalisto, korespondanto de « Manchester-Guardian », rakontas aventuron okazintan en Innsbruck, Aŭstrio, kien li vojaĝis kun samprofesia kolego. Alveninte jam nokte en la faman tirolan ĉefurbon, ili trovis ĉiujn hotelojn plenplenaj. Estis ja somero. El ĉiuj landoj alfluas turistoj. Multaj el ni tion spertis veturante al la Viena Kongreso en 1924.

La du ĵurnalistoj fine sin turnis al informanto ĉe la stacidomo. Ili ricevis adreson por privata ĉambro ĉe iu komercisto en mezo de la ĉefstrato. Bone. La litoj sidis sur teretaĝo en longa dompeco, iom embarasata per tro multe da mebloj amasigitaj. Tamen dormemo postulis akceptemon kaj la du ĵurnalistoj estis ja kontentaj ke ili povas enlitiĝi fine post laciga vagado.

« Nur ne transiru tiun ĉi kurtenon », diris la domestro dezirante al ili bonan nokton.

La litoj estis puraj, sed ege malmolaj. Dum unu el la Angloj jam ronkis eĉ laŭte, la alia, pli delikata, sin turnis kaj turnadis sur sia drapumita planko ne sukcesante fermi daŭre la okulojn. Kion fari?

Lin iomete pikis scivolemo pri la dika ruĝa kurteno proklamita kiel « limo » per domestra malpermeso kaj evidente dividanta la longan ĉambron en du partoj. Ĉu ankoraŭ aliaj klientoj domas tie transe? Ĉu eble bela princino same kiel en feinaj rakontoj?

Post ioma hezito li ellitiĝis senbrue kaj alpaŝis la kurtenon. Ĉin li puŝetis kaj ekrigardis, kvankam lia angla konscienco de gentleman tion ne tre aprobis. Estis tro mallume. En la poŝo de sia mantelo li serĉis sian elektran poŝlampeton. Kie ĝi estis do? Ho jen! Nu, li riskos esti kaptata kvazaŭ rabisto. Eble la tieaj dormantoj aŭ la princino ekkrios terure.

Ne. Neniu estas tie. Unu lumero sufiĉis por montri efektive vastan liton, sed neniun en ĝi. Nur lia kolego vekiĝis. « Kio okazas? » — « Rigardu, jen princa dormejo, vidu tiun ĉi luksan kuŝejon, sufiĉe larĝan por kvarinfana familio, kaj kiel mola kaj komforta! Ni transloĝiĝos kaj pagos morgaŭ la diferencon al la domestro. Kial li do kaŝis al ni la plej bonan liton? Ĉu ni aspektis ne sufiĉe nobelaj por tiu reĝingo?

Konvertite per palpo de matraco kaj kovriloj, la kolego ankaŭ almigris kaj baldaŭ la ronkado fariĝis harmonie duvoĉa...

Matene. Hela suno brilas. La palpebrojn pikas varmaj radioj kaj la orelojn almilitas brua, gaja, tondra sonado de ridoj, eĉ ridegoj. Ambaŭ ĵurnalistoj malfermas la okulojn, ekrigardas al lumo: ĉe granda vitro cent vizaĝoj, amaso da viroj virinoj, knaboj, knabinoj kun larĝegaj buŝoj, malkovrataj dentoj kaj korpo skuata per nehaltigebla ĝojo. La tuta strato staris tie, homoj kun bicikloj, virinoj kun korboj, infanoj saltantaj por pli bone vidi.

La du ĵurnalistoj kuŝis en montrejo de meblovendisto. Jen la klarigo pri la kurteno. La bonega lito estis specimeno kaj ili... gajiga ekspozicio.

## La nova urso

Jam de antikva tempo ursoj estis kaptitaj por servi kiel amuzantoj de la publiko. Ankoraŭ nun ciganoj dancigas urson en vilaĝoj, kaj gravaj ĉefurboj konservas vivantajn ursojn en apartaj fosejoj aŭ en zoologiaj ĝardenoj.

Kiu pripensas iam la malfacilan, tedan, kruelan sorton de tiuj kompatindaj bestoj, sopirantaj je sia arbaro kaj devigataj la tutan tagon stariĝi sur du kruroj kaj interbati manegojn por ricevi karotojn de rigardantoj?

Nu, en ukraina urbo, unu el la du publikaj ursoj mortis kaj la komunuma estraro ne havis monon por aĉeti novan. Unu vesperon, ĉe la urba laboroficejo alvenis malfeliĉa viro, eble intelektulo plendanta pri senlaboreco. La tutan tagon li serĉadis, nenion trovis kaj sentis sin jam senkuraĝa.

« Ne ploru, diris al li la laborkomisario, ni ja trovos al vi okupon. Atendu momenteton. » Kiam ĉiu alia petanto estis for kaj li per singarda ĉirkaŭrigardo konstatis ke neniu povas aŭskulti, la komisario demandis: « Ĉu vi kapablus funkciadi kiel urso? — Kiel urso? respondis la malfeliĉa viro. Ĉu mi ne parolis ĝentile? Ĉu vi havas liberan oficon ĉe publika giĉeto? — Ne, respondis la komisario. Temas pri vera urso en zoologia parko. Unu mortis kaj ni ne monpovas havigi novan nuntempe. Se vi konsentus surmeti ĝian felon, manĝadi krudajn karotojn, interbati la manojn, k.t.p. vi ricevos la saman salajron kiel la gardisto kaj laboros nur sep horojn tage dum la parko estas malfermita al publiko.

— Bone, bone, ekkriis la homo ĝoje, mi provos lojale, nur ke mi ne mortu pro malsato! »

La metio estis efektive laciga. Al ĉiu infano, al ĉiu juna patrino kun bubo, al ĉiu maljuna vizitanto haltema, al ĉiu paro da naivaj gejunuloj alvenantaj, necesis imiti preĝon per manoj, kuri por serĉi falintajn karotojn, ilin manĝi, rekomenci, rekuri, restari k.t.p.

Vespere, post kiam li englutadis nekalkuleblan kvanton da karotoj, trinkadis botelojn, batadis manojn, balancadis kapon, k.t.p. ĝis plena lacigo, li ĝojis vidante la gardiston sonorigi pri la fermo kaj svingi sian ŝlosilon alpaŝante la pordegojn.

Fine li povos kuŝiĝi kaj ripozi, eĉ sur pajlon. Li eniris la ursan loĝejon... sed ho, ve! la pordo al najbara kajuto estis malfermita. La gardisto ĝin lasis tiel kaj jen, la alia urso turnis la kapon, lin ekvidis kaj ekpaŝis al li tute trankvile. Terure. Kion fari? Kun glaciiga timo, haltanta koro kaj febra ŝvito, li kuris al abio kaj ekgrimpis vundante la manojn per la pikantaj branĉoj de l' sav'arbo. Homa voĉo eksonis malsupre.

He! Kamarado! alvokis la dua urso, ne timu tiom rapide! Ankaŭ mi estas senlaborulo kaj ni povas interfratiĝi.

E. P.

## Al Filoj de Kaino

De Julio Baghy [1]

*Filoj de Kaino kun la stigmo*
*mature atendas vin la rikolto!*
*Faru fajron! Flagru sen estingo*
*sur tero gehena flam' de malordo!*
*Al ŝtiparo do moralon, virton,*
*noblajn celojn ĵetu sub la cindron*
*kaj kolero lafa de la Etno*
*furiozu en la detrusento!*
*Ne hezitu, filoj de Kaino,*
*la mondon putrantan fine renversi!*
*Sciu, vian tronon por la gajno,*
*milmiloj rapidos sklave tuj servi!*

*Filoj de Kaino, la prapatro*
*ne tre favorata estis hieraŭ,*
*sed nun ŝajnas, via « talpo-arto »*
*jam estas laŭ plaĉ' de l'trono fiera,*
*ĉar al vi Ĉi donis la potencon...*
*Dum arme, de l'Bono perdas centon*
*da plej noblaj koroj, vi triumfas,*
*novajn buĉmaŝinojn zorge muntas...*
*Flugu supren do la fum'incensa*
*de via altaro, gent' de Kaino,*
*por konvinki Lin pri fakt' esenca,*
*ke ĉi besto estas hom' nur laŭ ŝajno.*

*Finan venkon de la pens' Kain-a*
*kun ve' mi sopiras, ho bestofrato,*
*ĉar la homo, estu kia ajna,*
*li celas fratmurton per korotrafo.*
*Finan venkon do anime korpe,*
*ke ĉe manĝotrog' de l'sango porke*
*glutu, gruntu ĝis satiĝo morta*
*ĉi kreaĵo glora, sed plej monstra*
*kaj ne pulsu koro aspiranta*
*kun vea dolor' al Vero kaj Bono*
*kaj ne vivu plu al kiu vanta*
*sopiro pruviĝas « esti nur' homo ».*

# ◙ LINGVAJ STUDOJ ◙

## Malgraû, spite, kvankam

Jen tri similsignifaj, sed ne samsignifaj vortoj. Mi esperas montri, ke la du unuaj, eĉ kiam ambaŭ estas prepozicie uzataj, ne estas sinonimoj.

Ŝajne multaj esperantistoj evitas la uzadon de *malgraŭ* kaj penas anstataŭigi ĝin per *spite* kun akuzativo aŭ *spite je* kun nominativo. Kial ili faras tion? Ĉu la vorto *malgraŭ* ne plaĉas al ili? Eble la silabo *mal* igas ilin senti ke ĝi estas prefikso, kaj ne volante uzi la silabon *mal*, kiam ĝi ne estas prefikso, ili evitas la vorton. Tamen laŭ mia opinio ili malpravas.

Ni rigardu la signifon de *malgraŭ*. Laŭ Kabe ĝi estas « prepozicio kun la senco: ne turnante atenton al io, ne atentante ion: ekz. fari ion malgraŭ malpermeso. » Ni povas eĉ mallongigi tiun sencon, kaj diri ke *malgraŭ* signifas *malatentante*. Ni do konstatas, ke la silabo *mal* havas sencon tre similan al la prefikso *mal*. Ni povas ankaŭ diri, ke *malgraŭ* estas preskaŭ la malo de *laŭ*. Plue, se ni rigardos la signifon de *malgraŭ* en la naciaj lingvoj, ni vidas ke la vorto havas negativan aŭ malan sencon. Ekzemple, en la angla lingvo la vorto « *notwithstanding* » *signifas nekontraŭstarante*. En la pasinteco tiu vorto ne estis prepozicio antaŭiranta la substantivon, sed participo sekvanta la substantivon. *Mi eliris malgraŭ la pluvo* estis en la komenco: *I went out, the rain notwithstanding*, t.e. *Mi eliris, la pluvo ne kontraŭstarante*. Nur poste ĝi fariĝis: *I went out notwithstanding the rain*. Laŭ logika vidpunkto tio estas tute kontraŭa al la intenco, ĉar estas la pluvo, kiu ne kontraŭstaris min, — ne mi, kiu ne kontraŭstaris la pluvon.

Alilanduloj povas, mi kredas, konstati la samon el sia propra lingvo (fr. malgré, germ, ungeachtet, k.t.p.).

Oni uzas *malgraŭ* kiam oni parolas pri objektoj, kiel *pluvo*, *ordono*, *malpermeso*, k.t.p., pli ol kiam oni parolas pri homoj.

*Spite*. Laŭ Kabe « prepozicio kun la senco: intenco kontraŭ la volo de aliaj: ekz. Por inciti la guverniston, la knabo sin banis spite lia malpermeso. » Nu, tiu signifo ankaŭ montras negativan sencon, tre similan, sed ne tute saman, kiel la senco de *malgraŭ*. Tamen la vorto havas pozitivan, pli aktivan sencon, ol *malgraŭ*, kiel pruvas ĝia uzado de Dro. Zamenhof, ofte kiel verbo.

Ekz. Lev. 26,21. Kaj se vi malgraŭ tio *spitos* Min kaj ne volos obei Min.
Psa. 10.5. Ĉiujn siajn malamikojn li *forspitas*.
Psa. 27.11. Kaj konduku min sur ĝusta irejo, *spite* miajn insidantojn.
Psa. 37.35. Mi vidis malpiulon, kiu estis *spitema*.
Psa. 69.18. *Spite* miajn malamikojn liberigu min.

Oni rimarku, ke la celo de la spito estas ĉiufoje persono, ne objekto.

*Kvankam*. Kvankam estas laŭ Kabe: « ceda konjunkcio egalante *malgraŭ tio, ke*, ekz. *Kvankam* ŝi estas riĉa, ŝi vestas sin tre simple. » Foje samideanoj anstataŭigas ĝin per *malgraŭ ke*, sed kial uzi du vortojn kie unu sufiĉas?

*Tamen*. Kie en du sinsekvaj frazoj la unua komenciĝas per *kvankam*, la dua ofte komenciĝas per *tamen* anstataŭ sed. Ekz. Oni povas simple diri:

Ĉiuj protestis per laŭtaj krioj, sed la oratoro daŭrigis sian paroladon.

Sed por montri pli forte, ke la aŭtoro daŭrigis sian paroladon *malgraŭ* la krioj, oni diras:

*Kvankam* ĉiuj protestis per laŭtaj krioj, *tamen* la oratoro daŭrigis sian paroladon.

F.W. Hipsley.

* * *

ALDONA NOTO: En la fundamenta frazaro la vorto *malgraŭ* ne troviĝas. P. Christaller ĝin ankaŭ ne klarigas en sia studlibreto « Esperanto ». « Kompleta Traktado » de A. Mair donas: Malgraŭ unukaza prepozicio, esprimanta ke io okazas sen ke oni atentas ĝin. Spite— intence kontraŭ la volo de aliaj. Malgraŭ (konjunkcio) en la sama senco: Malgraŭ malfortiĝo pro laceco kaj klopodoj mi plenumis mian devon. Li faris tion malgraŭ mia malpermeso. Li venis malgraŭ la pluva vetero. Malgraŭ la kontraŭbatalo de diversaj kontraŭuloj Esperanto tamen disvastiĝis. Malgraŭ la terura vetero la kuracisto tamen venis. Malgraŭ severa puno la ŝtelisto ĉiam ree ŝtelis. La ruza vulpo malgraŭ sia ruzeco estas kaptata. La baleno naĝas malgraŭ sia masiva staturo rapide kaj lerte. Malgraŭ la diferenco de niaj opinioj mi tre ŝatas vin. Malgraŭ ke li sciis la veron, li silentis. (Bibliografia Servo de U E A).

[1] Rim. Verkita kun akustikaj rimoj, ŝanĝitaj asonancoj.

## AMERIKANA SPRITO

Dum la elekto kaj precipe dum la antaŭa prilaboro de la voĉdonrajta publiko, la amerikana sprito direktiĝas al la politikistoj kaj speciale kontraŭ la regantaj partioj. Cirkulas amaso da ŝercoj pli malpli akceptindaj. La batalo inter la kontraŭuloj Hoover kaj al Smith (la unua de la respublikana kaj la dua de la demokrata partio) naskigis belan ŝercon:

Dum granda kunveno de farmistoj, Hoover parolis kaj laŭdis la propran partion ĝis la ĉielo. Ĉe la fino de la parolado Hoover tondris en la aŭdantaron: « Kaj nun mi demandas: ĉu ekzistas inter ni ankoraŭ iu kiu voĉdonos por la demokrato? » — Subite leviĝis farmisto maljuna kaj kriis: « Jes, mi! Mia avo voĉdonis por la demokrato, mia patro voĉdonis por la demokrato kaj mi faros same. » Hoover sin turnis al la farmisto dirante: « Ni supozu ke via avo estis ĉevalŝtelisto, via patro ankaŭ kaj vi — nu diru, kio vi estus nun? »

« Respublikano » resonis la malvarma seka respondo.

* * *

Estis en Alabamo. Kandidato de partio kriegis sian programon en la plenokupita salono. « Kuncivitanoj! Mi batalis kontraŭ la indianoj sub Sitting Bull. Ofte la batalkampo estis mia lito kaj la ĉielo la litkovrilo. Kvarfoje la kugloj malamikaj traboris mian korpon. Mi marŝis sur la glaciiĝinta tero ĝis sangofluo de miaj piedoj. »

Ĉe tiuj paroloj leviĝis maljuna farmisto. « Ĉu vere, ke ci batalis por la Uniono? » « Jes ».

« Kontraŭ la indianoj? » « Jes ».

« Kaj estas vere ke la batalkampo estis ofte via lito? » « Jes ».

« La ĉielo via littuko? ». « Jes ».

« Ke kugloj kvarfoje traboris vian korpon? ». « Jes ».

« Ke ci iris kun sangantaj piedoj super glaciiĝinta tero? ». « Efektive ».

« Tiam mi opinias, ke ci faris sufiĉe por la patrolando. Iru hejmen, ni elektos la alian ».

---

# Novaj libroj

*Nova Gramatiko Libro* de la internacia lingvo Esperanto (Por la supera kurso). Rekomendita de E.L.A. D-ro Anakreon Stamatiadis L.K., 1928. — Ateno, Presejo P.D. Sakelario. — 190 paĝoj, 16×24 cm. — Prezo: 2.— Us. dol.

*Lehrgang des Esperanto*, von Dr. Ing. Ellerbeck, (kun ŝlosilo). Verlag von H.S. Hermann & Co. Berlin SW. — 80 (+8) paĝoj, 15×21 cm. — Prezo: bind. 2.20 mark.

*Internacia Konferenco « Paco per Lernejo »*. Praha, 16-20 Aprilo 1927, Internacia Oficejo de Edukado, 4, rue Charles Bonnet, Genève. — 32 paĝoj, 17×24 cm. — Prezo: 0.30 sv. fr.

*Versaĵoj*. Ĥristo Botjov. Tradukis Ivan Dobrev. Eldonas Centra Librejo « Esperanto », Sofia. — 48 paĝoj, 12×16 ½ cm. — Prezo: 1.— sv. fr.

*Hector Hodler*, lia vivo kaj lia verko. UEA. 1908-1928. Universala Esperanto-Asocio, 12, Boulevard du Théâtre, Genève. — 168 paĝoj, 12×17 cm. — Prezo: 2.50 sv. fr.

*La Laborista Esperantismo*. E. Lanti. Sennecieca Asocio Tutmonda. Colmstr. 1, Leipzig. 0.27. — 38 paĝoj 12 ½× 18 ½ cm. — Prezo: 0.40 mark.

*Evoluo de Telefonio*. Ir. J.R.G. Isbrücker. Biblioteko Tutmonda, n-oj 21-22, 1928. Rudolf Mosse, Berlin, Esperanto-Fako. — 62 paĝoj (kun ilustraĵoj), 10 ½×17 cm. — Prezo: 1.— mark. (Serio: 10 numeroj. 4.— mark.)

*La vojo al scienco de estonto*, de Akad. A. Fersman. El la rusa lingvo tradukis S. Rublov. Biblioteko de S.A.T. Moderna Scienco No 7, 1928. Sennacieca Asocio Tutmonda. Eldona fako kooperativa. Leipzig. — 54 paĝoj, 11 ½× 15 cm. — Prezo: 0.60 mark.

*Kion rakontas la amikoj de Peĉjo*. Fabeloj de Hermynia zur Mühlen. Esperantigis el germana lingvo Senheredigito. Biblioteko de S.A.T., serio Literaturo, n-o 6, 1928. (Sama eldonejo kiel la antaŭa). — 56 paĝoj, 11 ½×15 cm. — Prezo: 0.60 mark.

*La Flandra Movado*, klarigata al la partoprenantoj de la XX-a Universala Esperanto Kongreso en Antwerpen. Eldono de Flandrema Grupo Esperantista. — 12 paĝoj 13 ½× 18 cm. — Prezo ne notita.

*Biblioteko Nova Kulturo*. Ĉiu kajero 24 paĝoj, 12 ½× 19 ½ cm.

No 1. La Alta Idealo. Petr Dânov. Esperantigis Dian

No 2. La Granda Leĝo. Petr Dânov. Esperantigis Dian

No 3. La Blankaj Fratoj. St. Vatralski, Esperantigis Dian. — Atanas Nikolov, Str. Car. IV. Ŝiŝman, 19, Burgas, Bulgarujo. — Prezo: 1 kajero 0.40 sv. fr. — Jarabono (10 n-roj) 3.— sv. fr.

*Adresaro de Esperantistoj en Svedio*. Dediĉits al 8-a S.A.T. kongreso en Göteborg (14-19 aŭgusto 1928). Sveda Laborista Esperanto Asocio. Box 73. Göteborg. — 48 paĝoj, 11 ½× 15 cm. — Prezo ne notita.

*Adresaro* 1928-29. Suda Ligo. Laborunuiĝo de Esperantistoj en Baden, Württemberg. — 14 paĝoj, 14×21 cm. — Prezo: 0.15 mark.

*La Granda Piramido*. Morton Edgar, 224 West-Regent Street, Glascow, Skotlando. — Faldfolio, 8 paĝoj, 14 ½× 22 cm. — Prezo ne notita.

*Pagod*. Restoracio-konfitejo, Stockholm. Manĝokarto. 4 paĝoj, 14 ½×23 cm.

*Mondekspozicio por kolonioj, Navigado kaj Flandra arto*. Antverpeno 1930. Faldfolio, 8 paĝoj, 13 ½×24 cm.

*Literatura Informilo*, eldonata de la Esperanto Fako de la eldonejo Ferdinand Hirt & Sohn eb Leipzig. No 5, somero 1928. — 16 paĝoj, 16 ½×24 cm.

*Esperanto Literaturo*. Originaloj kaj tradukoj. (Prospekto de l'sama firmo). — 16 paĝoj, 16 ½×24 cm.

*Sevilla* 1928. Comité de Iniciativao y Turismo. (Gvidlibro) 70 paĝoj 12×17 cm. kun urbplano.

*Klari*. Romano. Myriam Catalany. El franca lingvo trad. Em. Robert. Espero Katolika, 55 Rue de Vaugirard, Paris-VI. — 136 paĝoj, 10×15 ½ cm. — Prezo afr.: 7.— fr. fr.

*Sinjoro Laŭdata*. Dediĉaĵoj al S-ro Onisabro Deguĉi okaze de lia liberiĝo. Kompilita de Koogecu Niŝimura. 1928. Eŭropa Centralo de U.H.A., 24, Rue Bonaparte, Paris-VI. — 108 paĝoj, 13×19 cm. — Prezo: broŝ. 1.— sv. fr., tolbind. 1.50 sv. fr.

*Libera Voĉo*. Areto da laboristaj kaj migrulkantoj. Dua revizita eldono. Aŭstria Laborista Ligo Esperantista, Arbeiterheim, Augerestr. 14, Wien-XXI. — 32 paĝoj, 11 ½×15 cm. — Prezo ne notita.

*Leipzig*. Printempa Foiro 1929. (Ilustrita prospekto). Leipziger Messamt, Esperanto-Fako. Leipzig, Markt. 4. — 8 paĝoj, 10 ½×22 ½ cm.

*L'initiation à l'Esperanto*, par M. Rollet de l'Isle, 1928. Belga Esperanto Instituto, 11 Rue du Petit Chien, Antverpeno. — 80 paĝoj, 13 ½ ×21 cm. — Prezo: 0.50 sv. fr.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

**Alvoko de la Prezidanto de I C K al la Esperantistaro.**

Karaj gesamideanoj!

Kvankam mi akceptis la inviton fariĝi prezidanto de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, mi certe ne havas iajn iluziojn pri la graveco de la tasko, kiu staras antaŭ mi. Imiti mian antaŭulon, D-ron Edmond Privat, estas neebla afero. Li staris kaj ankoraŭ staras tute aparte pro sia elokventeco, potenco kaj vigleco. La tondra aplaŭdo, kiu ĉiam heroldas lian aperon, estas klara elmontro de la estimo, laŭ kiu la kongresanoj rigardas lin. Mi ĝojas, ke li, estante Honora Prezidanto de I C K, povos partopreni niajn venontajn kongresojn kiel ĉeforatoro same kiel antaŭe. Por sukcesigi la aferon, oni devas eviti imitadon de li kaj trovi novan vojon.

Elektita Prezidanto de Brita Esperantista Asocio en 1922 — ofico, kiun mi ankoraŭ plenumas — mi tuj eldonis alvokon al la brita esperantistaro, petante, ke ĉiu helpu min laŭpove por antaŭenpuŝadi la movadon, ke ĉiu laboru harmonie, konkorde kaj tutkore por Esperanto, sen penso pri persona gloro. Tiu alvoko havis bonkoran akcepton, kaj la nuna stato de Brita Esperantista Asocio klare montras, ke, se ĉiuj sindoneme kaj entuziasme laboradas, kiam ajn kaj kie, sukceso nepre sekvas. Hodiaŭ inter la britaj esperantistoj ekzistas nek ĵaluzaj malamikoj, nek malkontentaj grumbluloj... ni estas unu granda rondo familia.

Kiel Prezidanto de I C K mi deziras hodiaŭ fari similan alvokon, ne sole al miaj samlandanoj, sed al ĉiuj samideanoj tutmondaj.

Jen mia peto: Ne okupu vin pri kritikaj plendoj kaj malgrandaj flankaferoj, sed, forĵetante ĉiujn personajn ĉagrenojn, forgesante ĉiujn pensojn pri via propra gloro kaj honoro, laboru senĉese por la pli rapida efektivigo de la revo de nia kara majstro!

Al la eminentaj gvidantoj de niaj Naciaj Societoj mi simple diras: Iru antaŭen en harmonio kaj konkordo! Fermu la okulojn kontraŭ negravaj plendoj, evitu disputojn pri bagatelaj aferoj! Havu fidon kaj kuraĝon! La nokta mallumo pasis kaj la suno brilas super nia movado. Oni konstatis, ke vermo per persisteco kaj pacienco iam naĝis de Eŭropo ĝis Afriko. Per diligenteco kaj pacienco ni povos atingi la celon en gloro.

Al la redaktoroj de niaj gazetoj kaj revuoj mi permesas al mi proponi: Evitu en viaj ŝatataj paĝoj ĉiujn polemikojn kaj akrajn disputojn pri tute ne gravaj aferoj kaj senĉese disvastigu kuraĝigajn artikolojn kaj novaĵojn! Kaj pri alia multe pli grava afero mi fervore petas vian subtenadon. Mi estas nur komercisto... ne aŭtoritatulo pri lingvaj aferoj. Pro tio mi neniam misuzas la tempon pri demandoj, kiuj ne alportas profiton al la movado. Mi propagandas la lingvon kaj lasas la diskuton pri lingvaj punktoj en la manoj de la Lingva Komitato. Mi esperas, ke ĉiuj redaktoroj kore kaj lojale subtenos niajn laŭstatute elektitajn aŭtoritatojn kaj dediĉos siajn grandajn kapablojn kaj energiojn al la pligrandigo de la movado. Dum almenaŭ unu aŭ du jaroj ni bezonas nepran pacon por povi labori. Se la Lingva Komitato aŭ alia institucio de nia movado ne agas laŭ niaj deziroj, ni ĉiam posedas la necesan povon anstataŭigi ĝin per aliaj homoj. Same pri niaj aliaj organizaĵoj. Sed ni nepre devas agi laŭ la principo, ke kiujn ajn ni elektas, tiujn ni devas lojale obei. Mi turnas min al vi hodiaŭ, estimataj redaktoroj, kun la espero, ke vi helpos min je la nuna momento, ĉar mi bone scias, ke vi posedas la povon krei kaj kreskadi novan spiriton de harmonio kaj amikeco en niaj rondoj tutmondaj. Ne sufiĉas, ke ni prediku pri frateco buŝe, se ni ne sentas amikecon kore.

Al la grupanoj mi deziras diri: Neniam forgesu, ke la forteco de la movado vere troviĝas nek ĉe la I C K, nek ĉe la Naciaj Societoj, sed ĉe *vi!* Ĉar el viaj rondoj oni ĵetas, la semojn, per kiuj la tutmonda movado riĉiĝas, kiu alportas al ni ĉiam-kreskantan rikolton. Tial viaj klopodoj kaj vigla propaganda laborado estas nepre necesaj por la triumfo de nia sankta afero.

Mi havas la plenan fidon pri la frua sukceso de Esperanto kaj, kvankam ĝis nun mi ne multe partoprenis la internacian vivon de la movado, mi esperas ke, helpite de la Ĝenerala Sekretario de I C K, s-ro Robert Kreuz, kun kiu mi jam kiel eble plej intime kunlaboras mi rapide akiros la kapablecon plenumi miajn novajn devojn je la kontentigo de niaj estimataj kunkomitatanoj kaj de la tuta esperantistaro.

Kuraĝe antaŭen! karaj gesamideanoj. Mi vere kredas, ke en la spaco de eble dek jaroj, Esperanto estos ĝenerale akceptita kiel unu — se ne la sola — el la oficialaj lingvoj en ĉiuj internaciaj kongresoj. Sed tio okazos nur, se ni daŭrigas labori ŝultron apud ŝultro, manon en mano, ne serĉante personan honoron, sed batalante entuziasme kaj kuraĝe por la multe pli nobla celo de Tutmonda Frateco kaj Senĉesa Paco.

Vivu Esperanto! Vivu Zamenhof!

Sheffield, 15 septembro 1928.

John MERCHANT

*Prezidanto de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.*

---

# En kelkaj linioj...

*** Estas elektitaj en la Akademion: S-roj Grosjean-Maupin, Cart, Corret, Collinson, de Lengyel kaj Belmont.

*** Al la vico de doktoraj tezoj kiuj aŭ rilatis al Esperanto en iu fako de la homa civilizo (ekzemplo: Corret, Esperanto en medicino) aŭ uzis Esperanton kaj ĝian organizon por kunmeti detalojn (ekzemplo: Poncet: Vakcinado en la armeo) venas alia ekzemplo tiu kun fina resumo en Esperanto. Ni ricevis tian tezon (disertacion) titolitan: Thèses présentées à la faculté des sciences de Paris pour obtenir le titre de docteur... par Athanas D. Athanasoff, agronome de l'université de Halle.

L'anatomie et la maturation des chaumes d'un pied de blé. (Colosse de Razgrad.) Avec un résumé en Esperanto.

*** Sankta Venceslao estas nacia sanktulo ĉeĥa kaj lia nomo ŝatata baptonomo en tiuj landoj. (ĉeĥa formo Václav, germana Wenzel). La miljara datreveno estas okazo de grandaj festoj en Praha de majo ĝis septembro 1929. Okazas internacia kongreso katolika dum aŭgusto en la sama urbo. La organiza Komitato eldonis belegan afiŝon kaj klarigan broŝuron ambaŭ en Esperanto. Interesuloj povas ricevi ekzempleron de ambaŭ, skribante al Esperanto fako de la Komitato por la Sankta Venceslao festo, Jozefska 8, Praha III, Ĉeĥoslovakio.

# EKSPOZICIO EN DRESDEN



*Granda ekspozicio pri Esperanto en la vitra korto de la nova Urbodomo en Dresden aranĝita de la Loka Societo.*

# STANDO ĈE SAFFA, BERN




Stando de Esperanto aranĝita de la Svisa Esperanto-Societo ĉe la svisa ekspozicio de virina laboro « SAFFA » en Bern.

# EKSPOZICIO DE NUNTEMPA KULTURO

## en Brno 1928




*Stando de Esperanto en la ekspozicio.*




*Domo de Werkbund en la ekspozicio de nuntempa kulturo, kun surskribo en Esperanto.*

# SEPA HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Sevilla, 5a-9a Novembro 1928**

Ĉi komencis per diservo kun prediko en E de pastro Mariano Mojado en preĝejo « Sankta Anĝelo ». Malferma kunveno de la kongreso sub prezido de la generalestro de Andaluzio, reprezentanta la reĝon Alfonso XIII, kiu akceptis esti Honora prezidanto de la kongreso. Ĉeestis provinca deputito, la urbestro kaj la urbkonsilanto S-ro Alfonso Trias. Partoprenis la kongreson jenaj fremdaj samideanoj: Profesoro Cart, prezidanto de la Esperantista Akademio, Sinjoro Parley Parker Christensen de Chicago, S-ro Josef Mengele, el Fürth kaj profesoro Risson el Hamburg. La nombro de la partoprenintoj estis 150 personoj. Oficiala akcepto ĉe la Urba estraro en la urba domo. Disdono de gvidlibro en Esperanto. Vizito de la vidindaĵoj de Sevilla. Je la sepa de novembro okazis la Festo de la Floraj ludoj sub ĉeesto de la urbaj aŭtoritatoj. La reĝino kaj korteganinoj prezentis sin lukse kaj arte vestitaj. La reĝino honorigis la esp. flagojn de ok hispanaj regionoj reprezentitaj, per alfikso de rubando. Ekskursoj al « Groto de la mirindaĵoj » roma amfiteatro « Italica » kaj urbo Carmona, konata pro riĉeco je monumentoj kaj roma nekropolo. Ferma kunsido de la kongreso je la naŭa de novembro dum kiu profesoro Cart parolis emocie kaj entuziasme pri la hispana movado. La kongreso postlasis bonan impreson ĉe la loĝantaro. Enskribiĝis 380 aliĝoj inter ili 62 de korporacioj.



**Internacia literatura Konkurso (Floraj Ludoj) — Teatro Florens, en Sevilla**

DE MALDEKSTRE — *Unua vico :* Korteganinoj : F-inoj Rosario Rodriguez, Maria Garzon, Aurora Ortega, Maria Rodriguez ; paĝio : Infanino Carmelita Rodriguez ; Reĝino : Enriqueta Esacacena ; paĝio : Carmen Rodriguez, Rozario del Pozo kaj Maria J. Escacena.
*Dua vico :* Paroladisto : Pastro Mariano Mojado; Premiito dufoja : S-ro José Anglada Prior ; flagoj de Cheste, Sevilla, Tocina, Madrid, Zaragoza, Cordoba, Badajoz kaj Oviedo. Premiito kiu atingis la premion de la Provinca deputitaro kaj tiun de la Ateneo de Sevilla. S-ro Julio Mangada-Rosenörn ; sekretario : Carlos Martinez Fernandez.

## FLORAJ LUDOJ. — VERDIKTO

La Organiza Komitato de la Konkurso. konsciante la verdikton de la Juĝistoj S-ro Cart, Warden kaj Belmont, dicidis doni la jenajn premiojn:

TEMO: 1a. — *Kanto al la Majstro Dr. Zamenhof* (poezie).
Unua premio da 150 pesetoj al S-ino Catharina Vermeer de Zutphen (Nederlando).
Dua premio da 50 pesetoj al F-ino Hilda Dresen, de Tallin.

TEMO: 2a. — *Kanto al la Internacia Helpa Lingvo Esperanto.*
Unua premio da 100 pesetoj al S-ro J. E. Mocnck, de Berlin.

TEMO: 3a. — *Kanto al la Interna Ideo de Esperanto* (poezie).
Unua premio da 100 pesetoj al temo « Certa » Aŭtoro nekonata).

TEMO: 4a. — *Kanto al la Majstro Dr. Zamenhof* (proze).
Unua premio de 100 pesetoj al S-ro José Anglada Prior, de Barcelona.

TEMO: 5a. — *Kanto al la Internacia Helpa Lingvo Esperanto* (proze). (La verkoj prezentitaj, ne meritis premion).

TEMO: 6a. — *Kanto al la Interna Ideo de Esperanto* (proze).
Unua premio da 100 pesetoj al S-ro J. Sirjaev, de Baklanka.
Dua premio (Honora mencio) al S-ro V. William, de London.

TEMO: 7a. — *Projekto de plej bona Esperanta Organizo* (proze).
Unua premio da 100 pesetoj al S-ro José Anglada Prior, de Barcelona.
Dua premio (Honora mencio) al S-ro Aleksander Siitam, de Tallin.

TEMO: 8a. — *Kanto al Sevilla* (poezie).
Unua premio da 250 pesetoj, de la Urbestraro de Sevilla: Al S-ro Teo Jung, de Köln.
Dua premio: Artajo, de l'Ateneo de Sevilla, al S-ro Julio Mangada Rosenörn, de Madrid.

TEMO: 9a. — *Kanto al Hispanujo* (poezie).
Unua premio, da 250 pesetoj, de la Provinca Deputataro de Sevilla, al S-ro Julio Mangada Rosenörn, de Madrid.
Dua premio da 100 pesetoj, de Hispana Esperanto-Asocio, al S-ro Joseph Berger, Köln.

TEMO: 10a.— *Kanto al Esperantujo* (poezie). (Oni ne ricevis verkojn).

TEMO: 10a. — *Kanto al Esperantujo* (poezie). (Oni ne ricevis verkojn por tiu Temo).

NOTO. — La sep unuaj premioj estas donitaj de Hispana Esperanto-Asocio.

*La Sekretario-Kasisto:*

Sevilla, la 7a Novembro 1928. Carlos Martinez Fernández.

# 21ᵃ Universala Kongreso de Esperanto

**5a Somera Universitato.**

**Budapest, 2-9 aŭgusto 1929**

## INFORMA BULTENO N-ro 2

*Adreso por korespondaĵoj & telegramoj:*
Esperanto-kongreso, Budapest.

Bonvolu tralegi la Informan bultenon N-ro 1. Ni ne ripetas ties enhavon. Ĉe demandoj aldonu respondkuponon.

*Loĝigo.* — Dum la venonta somero eksterlandaj vojaĝoficejoj antaŭe rezervas la budapeŝtajn hotelojn, precipe la unuarangajn, por vojaĝantoj al Budapest. La loĝigon de la kongresanoj aranĝos la Fremduloficejo de la Urbo Budapest, sed ĝi povas nur por tiuj garantii loĝejon, kiuj kiel eble plej frue anoncas sin. En via propra intereso aliĝu jam nun.

Ĝis nun oni komunikis sekvantajn proksimumajn prezojn:
Ia klaso. Ĉambro en hotelo kun matenmanĝo P 10.— po tage
IIa » » » » » 8.— »
IIIa » » » » » 6.— »
IVa » » » » » 4.— »

*Turista loĝejo* en studentaj domoj, eble en lernejoj amasloĝigo: kun ĉiuj manĝoj P 3.50, sen manĝoj P 1.20. Nur limigita loko, baldaŭa anonco petata.

*Prezoj en restoracioj:* Tagmanĝo de P 1.50 kaj vespermanĝo de P 2.— proksimume.

*Afiŝo, prospekto.* Granda afiŝo kun bildoj el Budapest eldonita de la Fremdulofìcejo de la Urbo Budapest kun malplena loko por anonci kursojn, prelegojn, karavanojn, estas havebla senpage por ĉiuj societoj, grupoj kaj ekspozicioj. Por aliaj personoj kontraŭ sendo de respondkupono. Prospekto de Budapest, granda folio, uzebla ankaŭ kiel afiŝeto, senpage havebla.

*Glumarko, insigno.* La LKK aranĝas konkurson por glumarko kaj metala insigno, kiuj enhavu en desegno kun karaktero hungara aŭ budapeŝta, la stelon kaj la titolon kaj daton de la kongreso. Premioj: P 80, 50 kaj 30.— kune por la du konkursoj. Templimo 31/XII. Oni adresu la konkursojn al sro. Paŭlo Tolnai, sekretario de LKK, Budapest VII. Bethlen tér 2. La akceptitaj projektoj estas propraĵoj de LKK.

*Rabatoj* tra *Aŭstrio.* Laŭ sciigo de la Aŭstria E. Delegitaro, kongresanoj, kiuj aliĝas al la « Antaŭkongreso kun Malfermo de Internacia Esperanto Muzeo » en Vieno kaj sendas la kotizon de 7 aŭstraj ŝilingoj, ricevas rajtigilon por 25 % rabato sur la aŭstraj fervojoj tien kaj reen, 50 % rabaton sur la ŝipoj de la « Donau Dampfschiffahrtsgesellschaft » de Passau ĝis Budapest kaj reen, duonjare senpage la « Austrian Esperantiston » antaŭkongreskarton, 100 paĝan gvidlibron de Vieno, partoprenon ĉe la dutagaj antaŭkongresaj aranĝoj kaj verŝajne senpagan vizon por Aŭstrio. Adreso: Internacia Esperanto Muzeo, Wien I. Annagasse 5. Austrio.

*Artikoloj* por *gazetoj.* Kiuj volas publikigi artikolojn pri Budapest kun bildoj ĉu en esperantaj, ĉu en nacilingvaj gazetoj, petu tekston kaj kliŝojn. La kliŝojn oni devas tuj resendi.

*Prelegadoj* pri Budapest, *filmoj.* Societoj kaj grupoj kiuj intencas aranĝi prelegadon, povas ricevi tekston. Fotopoŝtkartoj por projekcio, lumbildoj aŭ filmo kun esperanto teksto prunte haveblaj kontraŭ pago de la sendkostoj kaj ĉe posta resendo.

*Helpmembroj.* Por ebligi al tiuj, kiuj ne povas vojaĝi al la kongreso, sed deziras fariĝi membroj, havi ĉiujn dokumentojn kaj eldonojn, insignon ktp. kaj helpi la kongreson, ni akceptas — laŭ interkonsento kun ICK — helpmembrojn, kiuj pagas la duonon de la oficiala kotizo, do P 14.— sv. fr. 12.50 ktp. Ni scias, ke multaj ĝoje akceptas tiun ĉi arangon kaj aliĝos, kiel helpmembroj, por ricevi ĉiujn eldonaĵojn, kompreneble sen la rajtoj kaj rabatoj de la kongresanoj. Bonvolu sur la aliĝiloj supre aldoni la vorton: « Helpmembro. »

# UEA kaj komerca eduko

La superaj lernejoj de komerco en Ĉeĥoslovakio aranĝas preskaŭ ĉiujare por siaj absolvontoj eksterlandajn ekskursojn. La celo estas kompletigi kvarjaran studon per vizito de kelkaj centroj ekonomiaj kaj kulturaj, precipe de maro, tiom mankanta al Centroeŭropanoj.

Atinginte necesan harmonion inter nombro de partoprenontoj, monrimedoj disponeblaj, daŭro kaj plano de efektivigebla vojaĝo, la gvidonto fervore ekkorespondas ordinare kun konsulejoj kaj porfremdulaj organizaĵoj por certigi al si restadon en koncernaj urboj. Alveninte poste eksterlanden, ekskursanoj kompreneble plej vigle rilatas kun samnaciuloj.

Alian vojon ekiris komerca akademio en Bratislava, slovakia ĉef- kaj havenurbo, kie estis instruata Esperanto kiel nedeviga lingvo. Kial ne aranĝi ekskurson dum libertempo helpe de Esperanto kaj ĝia UEA, ĵus jubileanta? Kial ne vidigi al studentoj Antverpenon ne nur kiel eminentan havenon, sed ankaŭ kongresurbon? Kial ne profiti tuj el scio de helpa lingvo internacia kaj ne konvinkigi junajn homojn, ke ĝi estas tre bone uzebla kaj disvastigita?

Post matura pripenso sekvis preparoj kaj almenaŭ 25 delegitoj aŭ grupestroj en 18 urboj estis atakitaj per leteroj kaj cirkuleroj esprimantaj peton konsili aŭ zorgi pri loĝado, nutrado, gvidado au vizitprogramo en iliaj lokoj. La organizinto bone konsciis, ke estis kelkfoje malfacile por nefakuloj en turistaj aferoj kontentige plenumi menciitajn dezirojn kaj eĉ timetis ne sufiĉan helpemon, ĉar el 14 partoprenontoj 6 ne lernis esperanton. Sed la respondoj sekvantaj baldaŭ unu post alia montris, ke nenie mankis bona volo, helpi laŭeble, la vizito de plej gravaj lokoj estis baldaŭ certigita kaj kelkloke sukcesis delegito havigi al ekskurso avantaĝojn, alie verŝajne ne atingeblajn.

Por ke la leganto havu imagon pri vojaĝo de studenta karavaneto kaj la meritoj de la delegitoj, estu cititaj almenaŭ la urboj vizitaj: tra najbara Wien al antikva Nürnberg, bela Mannheim kun ĝia haveno, ĉarma Heidelberg, de Mainz al Koblenz vaporŝipe tra fama Rejnvalo, Köln kun ĝia « Pressa » belga ĉefurbo Bruxelles, neforgesebla Antverpeno, interesaj flandraj urboj Gent kaj Brügge, fama Ostende, agrabla marbanejo Oost-Duinkerke, gravaj nordfrancaj havenoj Dunkerque, Calais kaj Boulogne, unua esperantista kongresurbo, bela havenurbo Le Havre kun proksima Honfleur, multe plaĉa Rouen kaj nekomparebla Paris kun Versailles, fine bela Genève, centro de Eŭropa internacia vivo, sidejo de nia kara UEA. Per rapida reveno tra centra Svislando kaj Aŭstrio finiĝis ekskurso daŭrinta preskaŭ kvar semajnojn.

Multaj estis emocioj kaj spertoj akiritaj dum vojaĝo, sed plej gravas, ke ĉiu partoprenínto konvinkiĝis, ke Esperanto ne estas la lingva ludilo, sed lingvo vivanta kaj helpanta en internaciaj rilatoj, kiu posedas bonegan organizon en sia UEA, reprezentata ĉie per tre oferemaj delegitoj. Al ili sinceran dankon kaj deziron de plena sukceso. UEA vivu!

Prof. Vlado Jukl.



# Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

**Oficiala Informilo**

Administro jaro 1929. N-ro 2. Decembro 1928

*Teritorio Finlanda.* — La Komisiono de UEA demandita per cirkulerletero bonvolis aprobi la transformon de la teritoria organizo en Finlando. La Delegitoj de UEA elektis kiel ĉefdelegiton

*S-ron Leo Jalava en Oulunkylä*

kaj kiel teritorian sekretarion konforme al la art. 29,

*S-ron Olli Laukkanen en Helsinki, Kluvikatu 7.*

La dokumentoj ricevitaj estis en plena ordo. Rajtis partopreni la voĉdonon 40 Delegitoj el kiuj respondis jese 33.

La Finlanda teritorio apartenas al la kategorio de la plene organizitaj teritorioj kun administra centro ĉe la sekretario, kiu analoge al la ĉefdelegitoj aŭ sekretarioj en aliaj landoj plenumas la tutan administradon sub kontrolo de la Ĉefdelegito kaj de la enlanda komitatano S-ro Vilho Setälä. Kotizoj en Finlando estu do pagotaj al la Sekretario.

*Trouzo de Servemo.* — La delegiteco estas honora ofico, diras nia statuto. La delegito plenumas sian taskon sen ia pago kaj estas devo plej simpla ne trouzi lian servemon. Unu el niaj fidelaj delegitoj en norda lando plendegis pro preskaŭ perforta devigo al plenumo de servoj flanke de vojaĝintoj. Pro tio li demetas la oficon kiun li plenumis dum pluraj jaroj. Ni konigas tiun fakton kaj insistas je severa respekto de la statuto kaj de la bona kutimo.

*Retiro de averto.* — Post nia averto en la Oficiala informilo N-ro 8, paĝo 125 Junio 1928, S-ro Valentinov en Moskvo kaj diversaj korespondantoj pruvis al ni, ke ili bonorde ricevis la abonmonon senditan de ili al S-ro Valentinov, kiu ne povis plenumi la mendojn. Ni do plenforme retiras nian averton. Nuntempe ni ne havas peranton por abonoj kaj aliĝoj en Sovet-Unio.

*Repago de kotizo 1929.* — Pro cirkonstancoj ne dependaj de la Centra Oficejo la dissendo de la speciala alvoko al la membraro prokrastiĝis. Ĉar la tempolimo do estas tro mallonga por ke profitu kiom eble plej multe de la premioj, ni plilongigas la daton de ricevo de la kotizo ĝis la 31a de januaro 1929.

*Kunveno de Membraro en Varsovio.* — Laŭ invito de la Ĉefdelegito de la Pola Teritorio kunvenis en Varsovio la 13.10.n.j. la anoj de U E A. La kunvenon prezidis s-ro Felikso Zamenhof, sekretariis Dro Antoni Czubrynski. Post detala raporto de la Ĉ D. s-ro J. Ŝapiro pri la situacio de U E A ĝenerale kaj speciale en Polujo la kunvenintoj elektis novajn funkciulojn de U E A por la ĉefurbo.

*D.:* Wlodzimierz Miernicki, Marszalkowska 88.

*VD :* F-ino Halina *Weinstein*, Leszno 99/5.

**Novaj delegitoj.** * * *

*Babice u Uher. Hradiště* (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Jan Prečechtêl.

*Busseto* (Ital.). D.: S-ro E. Modesto Carolfi.

*Constanta* (Rum.). VD.: S-ro Dimitre Minceff, Str. Mihaileanu No 48.

*Daĉice* (Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro Jan Kareŝ, I Kost. nám. 117.

*Dolní Kounice* No 525 Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro Karel Ĉervinka.

*Garwolin* (Pollando). D.: D-ro Antoni Czubrynski, Gimnazjum.

*Herford* (Germ. Westf.). D.: F-ino Käthe Kahlbrock, Am Schildkamp. 3/1.

*Hlavnovice p. Velhartice* (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Fr. Bezpalec.

*Horka n/M.u Olomouce* (Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro Fr. Buzek.

*Horní Suchá*, no 245. (Ĉ.S.R. Silezio). D.: S-ro Fr. Tomiczek. VD.: S-ro Jan Rzyman, No 208.

*Hurka na Ŝumavê u Zelezné Rudy* (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Fr. Bulka.

*Ilava* (Ĉ.S.R. Slovakio). D.: S-ro Viktor Janega.

*Levoĉa* (Ĉ.S.R.). D.: F-ino J. Knoppová, Ustav Záboyského z. XIX.

*Lhota-Bradlec p. Zeleznice* (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Karel Havel.

*Libêŝice u Zatec* (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Pavel Cahác.

*Linz* a.D. (Aŭstrio). D.: (Komerco) S-ro Karl Wanneck, Weissenwolfstr. 31.

*Mähr. Neustadt* (Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro Fr. Holeŝinsky, Müglitzberg. 45.

*Melusi.* 2 (Latvujo). D.: S-ino Marija Potaŝkova, Dambja jela,10.

*Modrany* No 769 (Ĉ.S.R. Bohemio. D.: S-ro Jirí Frankenberger.

*Nizkov u Pribyslavê* (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Jaroslav Grodl.

*Nitra* (Ĉ.S.R.). D.: S-ro Karel Smíd, Tedlegrafni stavebni urad.

*Oslavany* (Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro Holeŝovsky.

*Príbram.* III-41. (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Ladislav Bartunêk.

*Santander* (Hispanujo). D.: S-ro Angel Pintado, Ateneo Popular, Lepanto, 1.

*Suez* (Egiptujo). D.: S-ro Jean Miliaras, Khedivial Bar.

*Têpere* No 61 p. Zelezny Brod (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Jan Novotny.

*Vŝechovice* (Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro Ferdinand Srom.

*Zábludov* No 19 u. Letovice (Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro Jan Illa.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikiĝo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD, agas provizore.*

**Ŝanĝoj.** * * *

*Bournville* (Britujo). D.: F-ino Violet Nixon, 105 Langleys Rd. Selly Oak, Birmingham.

*Helder* (Nederland). D.: S-ro Cornelis Govers, Koningstraat, 10.

*Karlsbad-Karlovy Vary* (Ĉ.S.R. Bohemio. D.: S-ro J. Schneider, Ed. Knollstr. « Gea ».

*Königsberg* (Germ. O. Preussen). VD.: S-ro Wilhelm Smollenski, Unterhaberberg 63.

*Loewenberg* (Germ. Silezio). D.: S-ro Karl Kliem, Bürgermstr. Klaustr. 3.1.

*Louisville* (Usono, Kent). D.: S-ro Charles C. Fears, 3907 W. Parkway.

*Moravská Ostrava-Zábreh* n/O (Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro VI. Slany, Horymírova 516. VD.: S-ro O. Gadula, Palackého 524.

*Nagoja* (Japanujo). D.: S-ro Kinmatu Siraki, 123 Sugumo-cho, Mizuho.

*Novy Hrádec Králové* No 530 (Ĉ.S.R. Bohemio). D.: S-ro Karel Janouŝek.

*Paris* (Francujo). VD.: S-ro Henry van Etten, 12 Rue Guy de la Brosse, V.

*Trebiĉ* (Ĉ.S.R. Moravio). D.: S-ro Teodor Kilian. VD.: S-ro Josef Nesnídal.

*Udine* (Italujo). D.: S-ro Giovanni Della Savia, Via di Mezzo 18/11.

En la jenaj lokoj ne plu estas delegitoj:

Bata, Afriko; Bela Slatina, Bulg.; Bêlkovice, Ĉ.S.R.; Bystrice nad Pernŝtynem, Ĉ.S.R.; Canaples, Francl.; Forli, It.; Domaŝín, Ĉ.S.R.; Fremont, Usono; Hilversum, Nederl.; Huvitus, Finl.; London, Clapham, Britl.; Marschendorf, Ĉ.S.R.; Rakov do Pirotski, Jugosl.; Röthenbach b/Lengenfeld, Germ.; Tantah, Egipto.

* * *

*Statistiko de Delegitoj.* — Post aldono de supre montritaj novaj lokoj kaj depreno de eksiĝoj, la nombro de lokoj kun Delegitoj de U E A estas *1818*.

Genève, 25 Novembro, 1928.

HANS JAKOB, Direktoro de UEA.

## FILMSTELO KAJ ESPERANTO

Elga Brink kiu ludas la ĉefrolojn en filmoj mondkonataj estas la ideala tipo de germana virino. Ŝi havis grandajn sukcesojn en anglaj filmoj.



ELGA BRINK

Ŝi estas tre klera virino kaj studas nun Esperanton. Ŝi opinias ke nia lingvo povus multe servi en la parolanta filmo. Elga Brink estas nuntempe okupita por serio de grandaj filmoj de la British and Foreign Films Ltd., kaj la Orplis Messtro de Berlin.

(El intervjuo konsentita al la bonega gazeto brita *International Language* de la filmkompanio Orplid Messtro.)

## Esperantista Parolejo

### Oni proponas

En kelkaj landoj oni vendis sukcese, milionojn da glumarkoj je la profito de la batalo kontraŭ la tuberkulozo.

Ĉu oni ne povus profiti la ekzemplon, uzante la ideon plidivastigi Esperanton kaj ĝin utiligi al la paca batalado kontraŭ la kancero? Ni proponas eldoni glumarkojn vendotajn en la tuta mondo je la profito, duonparte de la naciaj ligoj kontraŭ la kancero kaj de la propagando por Esperanto...

Esperantistoj bone scias, ke ofte kiam oni parolas al iu pri Esperanto oni ricevas nur ridetaĉon; kontraŭ tio oni devigas kuraĝe bataladi kaj devigi iun akcepti niajn ideojn senkonscie. Estas simpla afero: oni eldonu vinjeton (per internacia konkurso) havanta nur esperantan surskribon... Laŭ tiu prezento, kiu malakceptus ne helpi al forigo de granda doloro de l'homaro, per aĉeto de glumarkoj?

Ni estas konvikitaj ke la esperantistaro helpos nin starigi la ideon, kaj ni volonte ricevos leterojn. S-roj Naoumoff & Lienhardt, 127, rue de Lille, Valenciennes (Nord) Francujo.

## Esperantista Vivo

*Naskiĝoj.*

Al Ge-sroj *Giovanni* kaj *Lina Travaglia* Anoj de UEA en Trento, filo Bruno.

*Fianĉiĝoj.*

S-ro *Harald Thilander*, Blindulo, Redaktoro de Esperanta Ligilo Stocksund Sved. Kun F-ino *Varma Järenpää*, finnlanda samideanino.

* S-ro *Jan Jelinek*, ano de UEA en Brno, Ĉeĥoslovakujo, kun F-ino *Hedvika Mrázová*.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO HENRY JOHN HORSEMAN, malnova kaj fidela membro de UEA, kaj spirita gvidanto de vigla grupo ĉe West Hartlepool (Angl.) mortis subite la 26an de Oktobro, 1928.

Lia enciklopedia scio pri Esperanto kaj profunda entuziasmo por la interna ideo de la lingvo kaj ĝia fina venko donis inspiron al multaj samideanoj en Nord-Anglujo, dum lia modesta, sincera kaj altanima karaktero elvokis la admiron de ĉiuj liaj kunuloj.

Lia unua kongreso estis la Bulonja en 1905, kaj lia lasta la Antverpena, 1928, kiun li ĉeestis kun 14 anoj de la funebranta grupo.

S-RO JOSEPH DRIESLER, ano de UEA en Breslau, 68 jara. Komencis instruadon grandstilan en la lernejo de li gviditan, defendis sukcese E ĉe la lerneja administrado.

S-RO PAUL FAST, Delegito de UEA en Königsberg, Prus., malnova kaj tre laborema samideano.

S-RO H. SJÖDING, MA de UEA n-ro 21688 en Stockholm, Sved.

S-RO D-RO RAHN, MA de UEA 30401 en Oschatz, German.

S-RO ŜIGERU HAJAŜI, Ano de UEA n-ro 32574 en Tobata ŝi, frato de nia Delegito en sama loko. Juna kaj entuziasma samideano konvinkita pri la valoro de internacia lingvo, flue parolinte la lingvon li mortis atinginte nur 23 jarojn. Fidela ano de UEA li destinis antaŭ lia morto la sumon de 50 Frk. sv. por helpi al la forigo de la deficito.

S-RO A. HARRIS, Inspektoro lerneja, Kew Gardens, Surrey, Anglujo, MA de UEA n-ro 22087.

S-RO ROBERT M. BAILEY, Delegito de UEA, West Somerville, Mass., Usono 79 jara.

---

S-INO DAVE H. MORRIS, D M de U E A kaj energia defendantino de la ideo de lingvo internacia en Usono, kunfondintino de la grava societo International Auxiliary Language Association (I A L A), New York havis la malfeliĉon perdi filon Noel. Koran kunsenton de la Komitato & C. O. de UEA.

*Sinceran kunsenton !*

# Esperanto - Radio Programo

de la Komisiono por Radio-Statistiko, Komisiita de I.C.K. Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben N-L, Germ.

*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

*Mallongigoj:* K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. = Novajoj.

DIMANĈO

07.00. — *Moskva*, 1.450 m. — K. aŭ sciigoj kaj Nov. — 60 min.

08.05. — *Langenberg*, 468,8 m. — Köln, Aachen, Münster. — 10 min. Semajna programo. — P.: S-ro Dormanns.

08.35. — *Langerberg*, 468,8 m. — Köln, Aachen, Münster. — 25 min. K.: Par.: S-ro Dormanns.

LUNDO

17.30. — *Kiev*, 775 m. — K.: 30 min.

19.00. — *Bern*, 411 m.; *Basel*, 1.010 m. — 30 min. — K.: P.: S-ro J. Schmidt.

21.30. — *St. Paul*, Minn. USA. 205.10 KSTP. K. P. Kantoj esp. P.: Ch. W. Barnes.

22.00. — *Moskva*, 1.450 m. — 30 min.

MARDO

19.15. — *Minsk*, 900 m. — P.: S-ro Dim Snejko. — 30 min. — Pri diversaj temoj el U.S.S.R.

MERKREDO

18.45. — *Wien*, 517,2 m. Graz, Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — P.: S-ro Smital. — 10 min.

19.30. — *Oslo*, 461.5 m. Hamar, Fredrikstad, Rjukan, Porsgrund, Notodden. — P.: S-ro R. Bugge Paulsen. — 30 min. — K.

JAŬDO

19.30. — *Madrid*, 375 m. — P.: Pastro Mojado, K. — 30 min.

21.00. — *Paris*, P.T.T.. 458 m. — K.: 30 min.

VENDREDO

18.00. — *Stuttgart*, 379,7 m.; Freiburg. — 10 min. — Semajna programo. — P.: Prof. Christaller.

19.15. — *Stuttgart*, 379,7 m.; Freiburg. — 30 min. — K. ĉiun duan vendredon. — P.: D-ro Vogt.

20.00. — *Reval-Tallinn*, 408 m. — 5 min. — Informoj pri Estonio.

20.35. — *Genève*, 760 m. — P.: S-ro Bouvier. — K., okaze informoj pri aŭ en Esp. — 10 min.

SABATO

18.25. — *Breslau*, 322,6 m.; *Gleiwitz*, 329,7 m. — 10 min. P. pri diversaj temoj. P.: S-ro Hanuschke.

18.55. — *Königsberg*, 303 m.; *Danzig*, 272,7 m — 5 min. Semajna programo. — P.: F-ino Wermke.

22.15. — *Bruxelles*, 508,5 m. — 5 min. Semajna programo. — P.: D-ro Kempeneers.

22.30. — *Leningrad*, 1.000 m. — Semajna programo.

22.30. — *Moskva*, 1.450 m. — Semajna programo.

— — *Madrid*, 375 m. — P.: Pastro Mojado. — Semajna programo.

DIVERSAJ TAGOJ

*Frankfurt*, 428,6 m.: Kassel. — P.: S-ro Wischhoff. — 30 min. K. por komencantoj laŭ la lernolibro de Degen kaj K. por progresintoj laŭ Unua Legolibro de Kabe.

*Nürnberg*, 241,9 m.: München, Augsburg, Kaiserslautern. — P. ĉiun dekan tagon, lunde aŭ jaŭde, 19.00 h. P.: S-ro Starke. — 30 min.

*Berlin*, 484 m.; Stettin. — P.: S-ro Glück. — 30 min. P. ĉiumonate, plej ofte jaŭdon.

*Bratislava-Pressburg*, 300 m. — Parolado ĉiumonate.

*Sevilla*, 446,8 m. — La 1 an kaj 15 an de ĉiu monato, 21. 30 h. — P. kaj informoj pri E en hispana lingvo.

**ESPERANTO - GRUPOJ**

*aŭskultu la dissendojn en Esperanto.*

La parolanto de la radio-sendstacio Kaunas diris en unu de la lastaj paroladoj: Bonan dankon mi diras al la gesamideanoj de la dana Esp.-grupo. x., kiuj sendis al mi poŝtkarton... Ĉi tiu ekzemplo estas tre imitinda. Certe en ĉiu Esp.-grupo ekzistas membro aŭ konatulo, kiu havas radio-aparaton ricevanta eksterlandajn sendstaciojn. Petu al li, ke li alportu ĝin al via kunveno aŭ eble permesu, ke vi kunvenas en lia loĝejo. La tutan membraron sendube tre interesos, aŭdi eksterlandan parolanton kaj por la lernantoj tio certe estos instiga. Skribu al la parolanto kaj li volonte diros jenajn vortojn:

*Mi salutas la gesamideanojn en..., kiuj nuntempe aŭdas mian paroladon, centoj da kilometroj malproksime de mi kaj deziras bonan ricevon de nia dissendo.*

---

*Paris.* — Sorbonne, dua vendredo ĉiumonate, kunveno de la Esperantista Radio Klubo de Franclando. Sin turni al S-ro Henri Favrel, 27 rue Pierre Guerin, Paris 16.

---

*Varsovio.* — Ondolongo: 1111 m., 10 KW. — Sabate 15an de Decembro, esp, parolado de S-ro Edv. Wiesenfeld, gvidanto de Pola Instituto de Esperanto.
** Disaŭdigo: 20 a horo **

---

*Jičin* (Čehoslovakio). — S-ro Miloš Brunclík, studento, Barákova 206. PI, bfl, PM, kĉl.
*Kameoka* (Japanujo). — S-ro Eikiĉi Jamakaŭa, 26 jara, Ŝiroato, dez. interŝanĝi ideojn k.ĉ.l. Certe resp.
*Kameoka* (Japanujo). — S-ro Ŝorak Haŝimoto, 19 jara, Aracuka, L, PK pri seriozaj temoj. Nepre resp.
*Kazlu-Ruda* (Litovio). — S-ro A. Prapuolenis, instruisto, standardojn, blazonojn, PI de reĝoj, ŝtatestroj naciaj kostumoj, naciajn himnojn, florojn monerojn vinjetojn de alumetskatoloj k.a.
*Köln-Bickendorf* (German.). — S-ro Schulze, Rochusstrasse 35, Esp. Gaz. PM minimume 300 nedifektitaj. Donas ankaŭ Danzig, Svedujo. Escepte Polujo, Čehoslovakujo, Aŭstrujo.
*Leipzig* N 22. — S-ro Karl Preu, Pol. Mö. 4, B,. Pm Pi Pk Gaz. Ĉiam resp.
*Leisnig* (Germanujo). — S-ro Erich Bertram, Colditzerstr. 19, L, PI, PM, Esp. ajojn, gaz. naciajn kĉl. korespondas Esperante germane, angle, france, finne, estone, hollande kaj hispane.
*Leningrad* 2. — S-ro E. Kirilov, Fontanka 58 kv. 13, PI k.ĉ, l.
*Liège* (Belgio). — S-ro Raymond Kiere 33 rue de Tilleur, PI, bfl. PM.
*Limbaži* (Latvolando). — Dro Arveds Ozols, PI = reprodukcio de artajoj pri morto, infero, diablo, milito, amo, kaj vidajpoŝtkartoj, k.ĉ.l.
*Linköping* (Sved.). — Fino Ingrid Vallquist, instruistino, St Leisgatan 43, L PK pri moderna instruado, libera laboro por la gejunularo vojaĝoj k.t.p.
*Lwów* (Polujo). — S-ro Rudolf Losler, Blonia Janowska 23, PM.
*Narva* (Estonio). — F-ino Martha Kronk, 7 Peetri tän. 15-4, PI, kĉl. Ĉiam respondas.
*Narva* (Estonio). — F-ino Martha Pontak, Krenholm 22-10, PI.
*Neurkirchen* (Germanujo, Erzgebirge). — S-ro Paul Hoyer, PI, PM, Gaz. Certe respondos.
*Nynäshamn* (Sved.). — S-ro Algot Blid, por Esperanto Studrondo, PI, L, PK.
*Paris V.* — S-ro D-ro Philippet, 15, rue Soufflot, PM nefrancajn eĉ ordinarajn por pro-esperanta propagando inter junuloj.
*Pécs* (Hungarlando). — S-ro Jöszef Vary, medicina studento, universitato Egyetem, PI, L. k. ĉ. l. Dez. Korespondi kun gepartoprenontoj de la 21a kongreso.
*Shanghaï.* — S-ro Pandiŝo, Fuh Tan University, Kian Wan, PI bfl. (Atentu pri la nova adreso).
*Sortavala,* as. (Finlando). — S-ro Ensio Tenhuenen, PI, bfl. kaj naciajn revuojn, kĉl.
*Tarrasa* (Hispan. Barna). — S-ro Raphael Fernandez, PI bfl. PM k.ĉ.l. Tuj kaj certe respondas.
*Uppsala* (Svedlando). — S-ro Karl Bergsten, Skolgatan 20, PI, L, prefere ekstereŭropanoj; Certe respondos.
*Vecliepkalne c. Koknesi* (Latvio). — S-ro Vernero Gailitis, PI bfl. Certe resp.
*Venlo* (Nederlando). — S-ro Pierre Pijpers, Stalberg 274, PM laŭ Yvert & Michel.

# Petoj kaj Proponoj

## INTERNACIA KOMERCO

*Abeledukistaj* fratoj kaj esperantistoj mi petas vin helpu al mi disvastigi esperanton inter Čehoslovakaj abeledukistoj; sendu al mi interŝanĝe malnovajn librojn, gazetojn, bildojn, afiŝojn, pentrajojn pri Abeledukado, fotografajon de abel-ujoj, portretojn de abeledukistoj kaj abelasocioj. P.I. abeledukistajn, PI de belaj presajoj kun infloresko L. pri abeledukado. Interŝanĝe mi sendos similajn objektojn. Abeledukado, S-ro Navrátil Jan, Kovalovice No. 32, p. Tištín, Morava ČSR.

*Adressanĝo.* — S-ro Giovanni Della Savia, Delegito en Udine, Italio, loĝas depost la de novembro: Via di Mezzo 18-II.

*Atentu la tuta esperantistaro.* — La klubo de fabrikejo por varmradiatoroj en Hälsinborgo, Svedio aranĝos internacian letervesperon la 28an de decembro 1928. Skribu multnombre al: K-do Werner Svensson Gustav Adolvsgatan 43, Hälsingborg, Svedio.

*Averto.* — Esperanto-Institute Limited, Londono. Samideanoj gardu vin. Ĝi ricevas la monon kaj ne liveras la varojn. Mi estis viktimo, perdinte Funtojn Sterl. 2.10.0- Paulino Santiago, Delegito de UEA, Maceio, Brazilo.

*Cigarvendistoj, librovendistoj* k.t.p. — Per vendado de poŝtmarkoj vi povas gajni bonan facilan profiton senriske. Petu pri informoj de Globus, Box 35, Boras, Svedio.

*Filatelistoj.* — Kontraŭ seriozaj referencoj mi sendas belajn P.M. elektajojn de Belgujo, Belga Kongo kaj Luksemburgo kun 60-80 % da rabato je ĉiuj katalogoj. Ĝis Majo 1929 mi liveras:

BELGUJO

1925 Jubilea serio (1849-1924) ....... 9,50 RM aŭ 11,50 Sv. Fr.
1928 « Orval » serio ............... 6,00 RM aŭ 7,50 Sv. Fr.
1928 Bonfarema serio 1a Decemb..... 2,25 RM aŭ 3,00 Sv. Fr.
ĉiuj en neuzita kondiĉo aŭ sur leter-koverto je via adreso.
V. LambERTS, 286 Blvd Lambermont, Bruselo. UEA 14320.

*Filatelistoj,* kiuj volas ricevi PM de Polio, Sovetlando aŭ Ukraino sendu al mi 100 PM malsamajn. T. Tomalik, P.W.P., Zagozdzon, Polio.

*Filatelistoj.* — Sendu al mia poŝtĉekkonto 24905 du sved. kronojn kaj mi sendos al vi kompletan serion de svedaj jubileaj PM 1923 neuzitajn. Dek serioj kostas 11 sv. kr. Letero kun la PM rekomendita, afrankita per la jubileaj PM. G.W. Bodinson, Jarlavägen 2, Gefle. Sved.

*Fotografajoj.*, de la XXa Universala kongreso de Esperanto en Antverpeno. Cent diversaj bildoj. Aĉeteblaj ĉe Wl. Golosow, Chmielna 8, Warszawa pollando. Prezo de unu ekz. 0.11 Dolar.

*Gramofondiskoj.* — Novaj gramofondiskoj en Esperanto eble la plej bonaj ĝis nun fabrikitaj. Aranĝitaj de Profesoro Findlay kaj eldonitaj de la Gregg Publishing Co. Ltd. Ne tro multekostaj. Petu senpagan prospekton ĉe la solaj agentoj, British Esperanto-Association 142 High Holborn, London W.C. 1. Anglujo.

*Inĝenieroj ĉiulandaj.* — Bonvolu sendi vian adreson kun via profesia specialajo al S-ro Ch. Marseille, inĝeniero, Delegito de UEA, 127 Ave. Parmentier, Paris 11, por interrilatoj profesiaj...

*Insignojn esperantistajn* mi vendas por elĉerpigi mian grandan stokon je memkostaj prezoj al ĉiu grupo aŭ samideano kiu mendas minimume por 15 fr. svisaj. Antaŭa pago. Tuja forsendo. Bonkvalitaj insignoj 16 div. specoj. 50 % da rabato. Postulu prezaron de Herman Röhlisch, Gablonz an der Neisse, Čehoslovakio, Wassergasse 7a.

*Krimeaj samideanoj.* — Bonvolu informi S-inon Rimma Sidlovskaja ke R. Banham, Aŭstralio sendis al ŝi en Marto kaj Majo desegnon kaj libron. Si skribu kiam eble.

*Kunlaborantoj serĉataj.* — Granda bildrevuo serĉas kunlaborantojn el ĉiuj landoj. Sendu aktualajn sensaciajn fotografajojn pri la kultura vivo de via lando, politiko, esperantismo, teatroj, popoltipoj, sportoj interesaj bildoj estos premiataj. Agentejo Esperanto, Pirotska 48, Sofia, Bulg.

*Malaperinto serĉata.* — Atentu Gesamideanoj. — Militkaptito Wilhelm Hürland en Siberio, estas serĉata de liaj fratoj R. Hürland, Stuttgart, Stitzenburgstrasse 15 kaj H. Hürland, Barmen-Wichl., Huldastrass 56. Detaloj pri li: Nask. 27 III. 1894 en Barmen. Pentristo. Unua rezerva bataliono de ĉasistoj 20, unua kompanio. (Ĉasistoj de Bückeburg). Je la fino de 1915 ĝis fino de 1916 en Liwenskij Zavod, Perm., fabriknumero 736. Je la komenco de 1917 dum transporto hejmen retenata en la amasenfermejo Toetzkoe. Lasta sciigo de li ricevita datumas de la unua de novembro 1920, el barakoj de Novo-Sibirsk (pli frue Nikolajevsk) laŭ ofica eldiro de du atestantoj kaj laŭ ekkono sur fotografajo amasa. En februaro 1920 Hürland

estis sendita, de poste hejmenveninta enfermeja komandanto al Barabinsk (Distanco 300 km.). Tie li estis vidata dum marto 1920 forŝovante neĝon, de komandanto el vagonaro en stacidomo. Kun Hürland estis poloj, hungaroj, kaj germanoj Müller kaj Kunzendorf. (Aŭ von Kunzendorf) kies nunaj adresoj ne estas konataj. Unu, bavaro, la alia verŝajne el la regiono de Paderborn. Unu estis studento, la alia lernanto de terkulturo. Kiu scias ion pri Hürland aŭ pri liaj kamaradoj? Pri informoj petas kore samideano Eugen Koch, Stuttgart-Canstatt, Essenerstrasse 1, (German.) kiu helpas serĉi al la du fratoj de la malaperinto.

*Pordoŝildetoj* el aluminio surskribo « Esperanto Parolata » mi vendas je memkosta prezo, lo pecoj 5 svisaj fr. sen rabato antaŭpage afraakita. Mendu tuj: Hermann Röhlisch, Gablonz a.d. Neisse, Ĉeĥoslovakio, Wassergasse 7a.

*Propagando.* — Por propagandaj celoj mi petas ĉiujn samideanojn sendi al mi ĉiuspecajn Esp. librojn, propagandilojn esp-ajojn k.t.p. interŝanĝe kontraŭ javaj eldonajoj. Nepre oni sendu ion al S-ro Liem Tjong Hie, Kranggan 23, Semarang, Java.

*Revuojn* nacilingvajn, ilustritajn, belajn interŝanĝas. Agentejo Esperanto, Pirotska 48, Sofia, Bulgarujo.

*Vitro-pentrado.* — Pentri sur vitro ĉiu povas ellerni. Skriba kurso en Esperanto enhavanta tri paĝojn por Kĉ. 20.— kun pentrita glaso kiel specimeno. Afrankite sendas kontraŭ antaŭe sendita mono: F-ino Marie Görtlerova Praha — Nusle 207, Ĉeĥoslovakio.

PRESEJO A. GRANCHAMP, ANNEMASSE.